# Malfermiĝo

La 39-a Konferenco de ILEI estis plua paŝo sur la vojo de malfermiĝo de ILEI. La simpozio pri la konferenca temo okazis en la universitata medio de Parmo kaj inkluzivis partoprenon de neesperantistaj profesoroj, kun notinda intereso pri demandoj de interlingvistiko kaj lingvopolitiko, kaj rolo de E-o en tiu kunteksto.

Ĉeesto de lokaj aŭtoritatuloj en la solena inaŭguro kaj atento de amaskomunikiloj konfirmas la aktualecon de E-o kiel lingvo de paco en la mondo de kultura kaj lingva diverseco.

La skabeno *Lavagetto* ne nur salutis la konferencanojn per parolado en Esperanto, sed ankaŭ akceptis konferencan delegitaron en la Urbodoma Palaco kaj sugestis eblecon starigi vojmontran E-projekton en bazaj lernejoj de Parmo.

Tiun direkton sekvos la estontaj konferencoj en Japanio (2007) kaj Benino (2008). Ambaŭ celas al plia malfermiĝo de ILEI al ekstereŭropaj mondopartoj kaj al neesperantistaj medioj de edukado kaj kulturkreado.

Pliaj detaloj pri la pasinta kaj venonta konferencoj aperas kaj plu aperos en ĉi tiu kaj la sekvontaj numeroj de IPR.

Ĝuan legadon!

*Radojica Petroviĉ*

# ESPERANTO: aglutina lingvo?

*Geraldo Mattos, doktoro pri la portugala lingvo*

## 1. ENKONDUKO

Estas jam ŝablono aserti, ke E-o estas aglutina lingvo, kaj tio devenas de la opinio de ĝia kreinto, kiu skribas en la franca parto [mia traduko]: "La kunmetitaj vortoj estas akirataj per la simpla kunigo de la elementoj, kiuj ilin formas, kune skribitaj, sed disigitaj per streketo. La baza vorto devas ĉiam resti en la fino. La gramatikaj finaĵoj estas konsiderataj kiel vortoj."

Estas tamen evidente, ke konsistigas nur solan reklamon la fina observo pri tiuj gramatikaj finaĵoj, ĉar nur escepte ili estas la esenca elemento en derivita vorto, kaj tial ne forfalas: *unuaeco*.

Se estus malkonsento pri tia reklamo, la ĉefa vorto de ĉiu kunmetita vorto devus esti la gramatika finiĝo, kiu estus ja la fina vorto...

Verŝajne la lasta eĥo de tiu opinio troviĝas en la esperantologia studo de Marcel Leereveld: *La specialeco en la esperanta vortformado* (La Suda Stelo, marto – aprilo 2006, p. 22 en la unua kolumno): "*Aglutina lingvo estas lingvo, en kiu oni formas vortojn el aliaj vortoj per la simpla kungluado, kunmetado, de du (aŭ pli da) radikoj, tiel kreante novan unuecan vorton por nova unueca nocio*."

Miskomprenon ja prezentas lia teksto: formi vorton el aliaj vortoj per kunmetado de radikoj, tio ne estas vero, ĉar la aglutino sekvigas al radiko plurajn sufiksojn: aglutina lingvo ne havas prefiksojn, nek disponas pri vortogrupoj, kiuj ilin povas anstataŭi. Cetere, la vortfarado en E-o povas uzi jen vorterojn (*est ig i*), jen vortojn (*urbo domo*), jen vortogrupojn, nome lokucion (*grand anim a*), jen vortogrupogrupojn, nome propozicion (*sin mortig o / ne forgesu min o*), kaj tio estas neebla en aglutina sistemo...

Plia argumento kontraŭ la aglutineco de E-o troviĝas en kelkaj dusencaj derivitaj vortoj, kies formojn ne povis klarigi Kalocsay-Waringhien (Plena Analiza Gramatiko de E-o. Rotterdam: UEA, 1980, p. 377), kaj ili do devis apelacii al dusenceco, sed temas pri homonimoj:

*nutr i a: nutra [portugale, nutritivo: nutropova].*

*nutr i o a: nutra [portugale, nutricional: nutrorilata].*

La Fundamento de Esperanto prezentas principe nur du tipojn de kapvortoj, kvankam ne ĉiam estas observata tiu adoptita normo:

1. Kapvorto, kiu estas samtempe radiko kaj vorto: *ajn* p. 90, *al* p. 91, *ci* p. 99, *ili* p. 120, *oni* p. 148.

2. Kapvorto, kiu estas radiko: *abel´* kaj *ad´* p. 89, *ek´* p. 106, *il´* p. 120, *on´* p. 148.

La eraroj estas facile malkovrataj per analogio kun aliaj similaj kapvortoj (respektive p. 90 kaj p. 148):

**aer** air [...].

**op** marque l´adjectif numéral collectif [...].

Analogio rektigas:

**afer´** affaire [...].

Sekve:

**aer´** air [...].

**on´** marque les nombres fractionnaires [...].

Sekve:

**op´** marque l´adjectif numéral collectif [...].

Estus eble pensi, ke la kvar lastaj radikoj *ad´*, *ek´*, *il´* kaj *on´* ŝuldiĝas al ia lia preteratento, ĉar ili havas specialan rolon en la vortfarado, sed mi ĵuras, ke tio estis lia klara volo pro lia 11-a regulo, kies francan tekston ĉiu povas legi supre. Efektive, el tiuj radikoj estas leĝe formi la verbojn *adi* [plui], *eki* [komenciĝi], *ili* [faraĵi] kaj *oni* [frakciiĝi]... La du lastajn verbojn Zamĉjo intence lasis okultaj por la estonta ŝercisto Raymond Schwartz, kiu lamentinde ilin ne profitis...

La kategorieco de la radikoj estas tie donata per la kvinlingva traduko, sed ne ĉiam ĝuste, kaj tion mi pruvas per la kolosa eraro ĉe la radiko *flor´* p. 112:

**flor´** fleurir [...].

Zamenhof tamen konsciis sian eraron, kiu certe devenis de laŭ li nekorektinda pravortaro, sed ĝin tuj korektis per atentiga aldono unu linion poste:

**flor´** fleurir [...].

**flor´o** fleur [...].

## 2. LA LATINECO DE ESPERANTO

En la komenco de la rompo inter la kultivita latina lingvo kaj ĝia popola varianto, la okcidentaj latinidaj dialektoj reduktis al du la kazojn de la deklinacio: nominativo kaj akuzativo. Poste, la reguleco de la formoj de akuzativo pereigis la nominativon. Krome, ili forigis unu el la konjugacioj pro ĝia simileco kun unu el la aliaj kaj la neŭtran genron pro ĝia

malsimileco kun la formoj de la du aliaj ĝuste en la formado de ĝia akuzativo.

Esperanto staras en tiu meza epoko: nominativo kaj akuzativo... Kaj la redukto pluis al plena senvarieco: unu sola formo por ĉiu radiko, unu sola deklinacio, unu sola rego de ĉiu prepozicio kaj unu sola konjugacio. Ĝia ĉefa karaktero konsistas en tio, ke la Fundamento konsideras radikoj ĉiujn tiujn formojn, kiujn la latina kaj la latinidaj rigardas afiksoj... Eĉ la finiĝoj, kiuj naskas kelkajn sinonimojn: a-vorto, e-vorto, i-vorto, o-vorto, u-formo...

Mi do vidas en E-o koheran simpligon de la latina, kies esceptojn kaj alomorfojn E-o forigis, ŝajne kun unu sola escepto: *post* kaj *poste*...

Videble, la evoluo distordas la lingvon, kaj kreas neregulajn okazojn. Mi bone memoras, ke la portugala de la 9-a jarcento havis substantivojn kaj adjektivojn, kiuj ĉiuj finiĝis per vokalo, kaj estis unu sola regulo por la pluralo per la aldono de *-s: pãe – pães / irmão – irmãos / razõe - razões*. Kaj la evoluo nun abundigas la erarojn, ĉar la parolanto devas parkeri: *pão – pães / irmão – irmãos / razão – razões...*

Mi tamen koncedas, ke la aspekto de la latinaj deklinacioj privilegias la fleksian lingvan proceduron, sed tute alian bildon prezentas la latina konjugacio, kiu havas du aspektojn (1. infectum et perfectum: nome finita kaj nefinita. 2. indicativum et subjunctivum, nome efektiva kaj eventuala) kaj tri tempojn (1. estanteco. 2. estinteco. 3. estonteco). Mi prezentas verbon de la plej multenombra kaj regula konjugacio:

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| don[a] | Ø | Ø | o | mi donas |
| don[a] | Ø | e | mus | ni donu |
| dona | Ø | ba | mus | ni estis donantaj |
| dona | Ø | re | mus | ni donus |
| dona | Ø | b | o | mi donos |
| dona | vi | Ø | mus | ni donis |
| dona | ve | ri | m | mi estu doninta |
| dona | ve | ra | mus | ni estis donintaj |
| dona | vi | sse | mus | ni estus donintaj |
| dona | ve | r | o | mi estos doninta |

Neniu dubas, ke la latina lingvo estas fleksia lingvo, sed verŝajne ĉiu ignoras, ke la modifoj, kiujn alprenas morfemoj en la deklinacio kaj konjugacio (difino de fleksio en La Nova Plena Ilustrita Vortaro de E-o. Paris: Sennacieca Asocio Tutmonda, 2002, p. 344.) [same en PIV 2005],

rezultas de miljara lingva evoluo, kiu en multaj okazoj kunfandis apartajn morfemojn, kaj tio estas perfekte rekonebla en la plurala akuzativo:

| | |
|---|---|
| Ununombro de substantivo: | |
| lupa | [lupino] |
| lupa m > lupam | [lupinon] |
| lupo s > lupos > lupus | [lupo] |
| lupo m > lupom > lupum | [lupon] |
| mont s > monts > mons | [monto] |
| | |
| Ununombro de verbo | |
| da o > dao > do | [mi donas] |
| da s > das | [ci donas] |
| da b o > dabo | [mi donos] |
| da e m > dem | [mi donu] |
| | |
| Multenombro de substantivo: | |
| lupa e > lupae | [lupinoj] |
| lupa m s > lupams > lupas | [lupinojn] |
| lupo e > lupoe > lupi | [lupoj] |
| lupo m s > lupoms > lupos | [lupojn] |
| mont m s > mont em s > montes | [montojn] |
| | |
| Multenombro de verbo | |
| da b mus > dabmus > dabimus | [ni donos] |
| da b tis > dabtis > dabitis | [vi donos] |
| da b nt > dabnt > dabunt | [ili donos] |

La latinidaj havis multe da tempo por knedi la mason de la vortoj, kaj mi tion ekzemplas per evoluo de unu sola verba vorto en la portugala:

*sed e re* [sidi] > *sedere* > *seder* > *seer* > *ser* [esti, sen ebleco akiri alian staton]

Io simila al tiu sencoŝanĝo okazas nun al la portugala verbo *andar* [paŝi], kiu sinonimas al la verbo *estar* [esti, kun ebleco akiri alian staton]:

\- *Andas parado* [litere: ci paŝas haltinta].

Multo de Esperanto ŝajnas prunto de aliaj lingvoj, sed post pli atenta rigardo mi konstatas, ke al la verda ilin heredigis la latina.

Mi opinias, ke la elekto de la vokalo por la adjektiva finiĝo [pardonu min, sed mi revenas al la tempo de la Krestomatio] estas latina interveno. Zamenhof vidis la latinajn parojn *amicus* / *amica* kaj *gallus* / *gallina* kaj decidis adopti la duan por distingi la du seksojn. Per tio la vokalo de la unua latina deklinacio fariĝis libera, kaj de tiam la vorto *amika* ekhavis unu el du sencoj:

1. de amiko: liaj amikaj vortoj.
2. de amikino: ŝiaj amikaj vortoj.

Escepte de la nomoj por la parenceco, en ĉiuj aliaj la inseksa vorto estas markita, dum la virsekva vorto estas nemarkita: se mi diras, ke la Federacia Universitato de Paranao havas kelkajn centojn da profesoroj, mi vetas, ke tie estas multaj viroj kaj multaj virinoj, kiuj instruas en ĝiaj lekciejoj, sed cento da profesorinoj inkluzivus neniun viron...

Krome, kelkajn el la verboformoj kaj la participojn inspiris al Zamenhof ĝuste la latina lingvo kun plej granda verŝajneco:

1. La infinitivo: nasci > naski [kun regoŝanĝo de netransira al transira] kaj uti > uzi [kun adopto de la formo de ĝia supino].

2. La vokalo de la estanta tempo: amas amantem > [ci] amas amantan

3. La vokalo de la estinta tempo: amavi finitam > [mi] amis finitan.

4. La vokalo de la estonta tempo: donabo / donavero: [mi] donacos / [mi] estos donacinta.

**3. KONKLUDO**

Se nun ni komparas vorton en Esperanto kun similaj en la latina kaj en la portugala (la du lastaj), ni observos, ke egala estas la formujo, kiu havas nur unu esencan elementon (E) kaj aliajn akcidentajn (A), sed la diferenco estas la nombro da eblaj variantoj de la dua kaj tria lingvoj:

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| mal | kontent | eg | a | verda vorto |
| in | content | issim | a | latina vorto |
| des | content | íssim | a | [ofte uzata formo][1] |
| mal | content | íssim | a | [rare uzata formo] |
| A | E | A | A | |

Etnolingvoj facile havas multajn sinonimojn de vortoj kaj multajn variantojn de akcidentaj elementoj (la du prefiksoj de la portugala tion ekzemplas), sed tia riĉeco estas pli ol sufiĉe kompensata per la preskaŭ senlima potenco de la kombinebleco de la Esperantaj lingveroj.

Kaj mi finas per demando:

Se la formujo estas la sama, kial la latina kaj la portugala estus fleksiaj, dum Esperanto aglutina?!...

*Kuritibo, 2006.03.19*

---

[1] 3-a kaj 4-a linioj estas en la portugala lingvo

# Internacia laborgrupo „Lingvolanĉilo”

*Lajos Molnár kaj Julianna Farkas – membroj de ILEI en Hungario*



**Antaŭaĵoj**

Somere de la jaro 2003 ni iniciatis la esperantigon de la *Traktato pri estigo de Eŭropa Konstitucio*. En junio 2005 aperis la hungara-esperanta, kaj en oktobro ankaŭ la angla-esperanta kajeroj, – por provi konvinki la decidofarantojn de Eŭropa Unio pri la fakto, ke la neŭtrala, internacia lingvo E-o estas aplikebla ankaŭ por esprimi eĉ la plej komplikajn homajn pensojn. En la *Antaŭparolo de la kajeroj* (vidu kaj konsultu ankoraŭ la hejmpaĝon *http://www.egalite.fw.hu/konstitucio*) troviĝas la sekvaj frazoj:



„Ni proponas, ke Eŭropa Unio

– alprenu E-on (en speciala, internacia statuso), kiel unu el siaj oficialaj lingvoj;

– sugestu al siaj membro-ŝtatoj la enkondukon de la instruado de E-o, kiel unua fremdlingvo en la bazgradaj lernejoj, por evoluigi la kapablon al lingvolernado.

Tiamaniere Eŭropa Unio realigus historian agon, kaj ene de tempo de unu generacio ĉiuj ĝiaj civitanoj povus paroli unu kun la alia, sen interpretisto, konservante samtempe siajn lingvojn.”

Ni devas konfesi, ke la efektiviĝo de la unua propono en la proksima estonto ne atendeblas, sed estas jam pala espero, ke parto de la uniaj decido-farantoj eble subtenos la duan proponon.

Laŭ nia opinio la eŭropa esperantistaro devas do akcenti nun antaŭ ĉio la kapablo-evoluigan rolon de la internacia lingvo!

Aŭtune de 2005 *Renato Corsetti* alvokis nian atenton al la *Springboard* (saltotabulo)-programo de la britaj E-instruistoj. Ni tuj komencis korespondadi kun *Anĝela Tellier*, kiu kun siaj gekolegoj kompilis la lernomaterialon de la “Springboard”-programo.

[En la 06/2-a numero de IPR sur la paĝoj 22-25 aperis la artikolo de *David Kelso*, prezidanto de la projektogrupo, sub la titolo *Projekto Lingvolanĉilo*.]

Je nia plej granda ĝojo la britaj E-instruistoj prilaboris do la metodikon de la larĝaskala instruado de E-o ĉe bazlernejanoj, kiel enkondukon en la lernadon de naciaj lingvoj.

Por disvastigi tiun ĉi principon kaj praktikon, fine de aprilo kaj komence de majo 2006 ni iniciatis la fondon de *Internacia Laborgrupo Lingvolanĉilo.* La nomon *Lingvolanĉilo* ni uzas post permeso kaj interkonsento de niaj britaj geamikoj.

**Celoj**

La *Internacia Laborgrupo Lingvolanĉilo* proponas, ke ĉiu infano ricevu gepatralingvan edukadon ĝis la fino de sia 8-a vivojaro, por akiri firmajn gepatralingvajn konojn koncerne la parolon, legadon, skribon kaj kalkuladon.

Ni proponas, ke E-o estu la unua fremda lingvo kaj kapablo-evoluiga lernobjekto en la 9-a, 10-a kaj 11-a vivojaroj, kaj poste, en la 12-a kaj 14-a vivojaroj la infanoj komencu lerni po unu, libere elektitan, nacian lingvon, por ke okaze de la abiturienta ekzameno ili ĉiuj povu almenaŭ mezgrade kompreni tri fremdajn lingvojn. Intertempe ili povas ŝpari – helpe de la lernad-faciliga efiko de E-o – entute minimume la tempon de unu plena laborjaro. La ŝparitaj mono kaj tempo estas uzeblaj por evoluigo de aliaj bezonataj kapabloj.

Ni kolektas la adresaron de tiuj esperantistoj, kiuj interkonsentas kaj pretas kunlabori por atingi la supre menciitajn celojn. Aparte gravaj estas la adresoj de tiuj E-instruistoj, kiuj jam nun instruas, aŭ intencas baldaŭ instrui la internacian lingvon en bazgradaj lernejoj.

La plej grava celo estas atingi, ke en ĉiuj eŭropaj landoj kreiĝu minimume 1 ĝis 5 bazgradaj, „referencaj lernejoj”, kie oni instruas E-on. Ni volas antaŭenigi kiel eble plej bonajn kontaktojn inter tiuj ĉi lernejoj.

Oni devas kolekti la argumentaron por konvinki la gepatrojn pri la propedeŭtika utileco de la internacia lingvo, kaj prilabori la motivaron por la infanoj, por ke ili lernu E-on entuziasme kaj akiru vere aplikeblan lingvoscion. [Vidu la artikolon de *Zlatko Tiŝljar* en IPR 06/2, p.13.]

Ni devas iom post iom gajni la apogon kaj interkonsenton de la plimulto de la esperantistaj instruistoj.

La prilaboro de rekomendata, unueca, en ĉiuj landoj aplikebla, 3-jara lernoplano estas nemalhavebla.

Ni disvastigos en kunlaboro kun *Katalin Kováts*, redaktorino de la eminenta hejmpaĝo *http://www.edukado.net* lernilojn, kiuj estas precipe konvenaj por instrui 7-11-jarajn infanojn.

Sur la hejmpaĝo *http://www.egalite.fw.hu* ni aperigos en laŭeble plej multaj naciaj lingvoj la ĝeneralajn partojn de la *Springboard*-hejmpaĝo de niaj britaj geamikoj.

Unu el la plej gravaj kaj samtempe plej malfacilaj taskoj de nia *Laborgrupo* estos akiri subvenciojn, financajn rimedojn por la "referencaj, bazgradaj lernejoj".

Fine, kiam montriĝos la unuaj rezultoj de tiu ĉi internacia kunlaboro, ni devos alvoki la atenton de la edukado-politikistoj al tiuj ĉi, bone funkciantaj, referencaj lernejoj.

**Ĝisnunaj rezultoj**

Kiam ni verkas ĉi tiujn liniojn, la *Internacia Laborgrupo Lingvolanĉilo* jam havas pli ol kvardek membrojn, ne nur el Eŭropo, sed el la tuta mondo. Nia membraro konstante ampleksiĝas.

Ĝis nun aperis kvar cirkuleroj de la *Laborgrupo*. En la 1-a, elektronika cirkulero ni publikigis la raporton de *Elisabeth Barbay* pri la FRINGOJ, en la 2-a aperis la festparolado de *Seán Ó Riain* okazinta la 26-an de majo 2006, en Malmö, dum la komuna kongreso de svedaj kaj danaj esperantistoj, kaj en la 3-a ni dissendis la cirkuleron de *Katalin Kováts*, kun propono aliĝi al la membraro de la hejmpaĝo *http://www.edukado.net* kaj al ILEI.

La ĝenerala parto de la brita *Springboard*-hejmpaĝo – helpe de *Leo De Cooman, Remy Sproelants, Yves Eeckhout* kaj *István Mészáros* – jam aperis krom en la angla ankaŭ en la Esperanta, franca, hungara kaj nederlanda lingvoj sur la hejmpaĝo *http://www.egalite.fw.hu*, kaj ĉiuj membroj de la *Laborgrupo* ricevis ĝin, kiel aldonaĵon de nia 4-a cirkulero.

Nia flandria amiko *Leo De Cooman* daŭrigas la esperantigon kaj nederlandigon de diversaj aliaj partoj de la *Springboard*-hejmpaĝo. Surbaze de liaj tradukaĵoj pretiĝas ankaŭ la pluaj nacilingvaj versioj.

La *Budapeŝta Medicina E-Fakgrupo* jam komencis modestan subvenciadon de tiuj hungaraj bazlernejoj, kie oni jam nun instruas E-on.

Ni atendas Vian aliĝon al la *Internacia Laborgrupo Lingvolanĉilo* ĉe la retadreso *ludoviko@freemail.hu*.

# Fari kion mi ŝatas, en kio mi kredas...

*Intervjuo de s-ino Katarina Steele kun s-ro Sandor Horvath*

*Sandor Horvath estas profesia instruisto origine pri matematiko kaj de la rusa lingvo. Al ĉi tiuj fakoj aldoniĝis poste la germana kaj laste la angla, la lingvo de lia elektita hejmlando Aŭstralio. De 1991 li instruis la anglan en UNISA (University of South-Australia), de 1997 li laboras en CELUSA (Centre of English at the UNISA) en Adelajdo. Liaj studentoj estas eksterlandaj junuloj, grandparte el Azio, venantaj por kelksemajnaj ĝis kelkmonataj perfektigaj kursoj. Krom zorgi pri ilia angla Sandor konatigas la junajn studemulojn ankaŭ kun E-o.*

KS: *Kiam kaj kiel vi komencis informi en CELUSA pri E-o kaj instrui ĝin?*
SH: Mi mem konatiĝis kun E-o en 1986, sed vere entuziasmiĝis pri ĝi nur post la somerkursaro en Melburno (1999). Esti esperantisto estas io alia ol esti parolanto de nacia lingvo. Esperantistoj iel aŭtomate emas propagandi sian lingvon, varbi por ĝi, dum se vi lernas ekz. la hispanan, ne verŝajnas, ke vi faros same. Mi do ekinstruis la lingvon al malgrandaj grupoj de miaj studentoj post la Melburnaj spertoj, verŝajne en 2000.




*Sandor Horvath (kun barbo) en junio 2006 dum la Vintra Kursaro (AU)*

KS: *Kio estis via ĉefa motivo?*
SH: Mi vidas, ke tiuj junuloj multajn jarojn lernas la anglan, vojaĝas al anglalingvaj landoj por perfektiĝi en ĝi, multe elspezas – sed ne kontentas pri la rezultoj. Ili havas precipe parolproblemojn kaj pro tio la denaskaj anglalingvuloj pensas, ke ili estas stultaj. Se la nedenaskuloj kaj la denaskuloj laboras grupe, la rezultojn prezentas la fluparolanto – denaskulo, kaj do li ricevas la laŭrojn, eĉ se la alia laboris pli. En Aŭstralio mem oni apenaŭ lernetas iom da fremdaj lingvoj kaj mi des pli malŝatas, kiam oni arogantas al tiuj, kiuj eĉ se ili ne parolas flue, tamen multe penas alproprigi al si la anglan. La fina venko ne vere motivigas min, sed estas jam sufiĉe da esperantistoj, por ke ni ĝuu la kunestadon.

KS: *Ĉu vi havas apartajn gvidliniojn aŭ proprajn metodojn en la instruado de E-o?*
SH: Iun ajn lingvon mi instruas, mi restas la sama homo kaj aplikas ĉiujn miajn sciojn kaj spertojn. Por mi gravas krei amikan etoson, personajn rilatojn. Ni konu unu la alian, ne estu streĉiteco, ni ridu, ludu, ekskursu. Anstataŭ lernolibroj mi preferas naturajn situaciojn, ofte neantaŭvideblajn, en kiuj la studentoj simple uzas la lingvon kaj eĉ ne rimarkas, ke ili lernas. Mia tasko estas krei tiujn okazojn, helpi trovi la homojn, kun kiuj ili parolu. Gravas, ke ankaŭ mi ĝuu kaj profitu kaj tial mi ekz. elektas ekskursi al interesaj lokoj.

KS: *Kiu via argumento por E-o ŝajnas esti la plej konvinka al la studentoj?*
SH: Verŝajne la lingva demokratio. Kaj la facileco – sed unue oni devas ĝin sperti. Poste ankaŭ la helpo ĉe vojaĝoj.

KS: *Kiom da studentoj vi taksas, ke konatiĝis kun E-o pere de vi?*
SH: Certe ĉiu almenaŭ aŭdis pri ĝi, ekz. ĉe la temo gramatiko. Proksimume 800 do ricevis la bazajn informojn, diversnivele lernis E-on eble 20 el ili. La plej bona „rikolto" estas la nunaj studentoj.

KS: *Kvar el ili plentempe partoprenis eĉ en la dutaga Adelajda vintrokursaro. Kiel vi atingis tiun ĉi sukceson?*
SH: Ili volis viziti Aŭstralian-Adelajdan lernejon, mi do gvidis ilin al la elementa lernejo, kie instruas nia E-amiko *Gordon Coleman*. Liaj etaj E-lernantoj instruis al miaj studentoj – E-on! Alifoje ni ekskursis al komunuma ĝardeno kaj tie gvidis nin alia esperantisto – *Nancy Roy*! Post

tiu ĉi sperto mi menciis, ke se iu interesiĝas pri E-o, mi pretas fari etan kurson. Post pli-malpli 2 monatoj (10 lecionoj) da E-o unu el la studentoj atingis nivelon, kiam li kapablis partopreni la triagradan grupon de la menciita kursaro kaj eĉ prezenti E-on al pli ol 100 studentoj en CELUSA dum prelego pri la problemoj de la angla.

KS: *Ĉu la instruado de E-o ne forprenas de tiuj junuloj la anglan?*
SH: Ili mem diras, ke ne. Mi samopinias, ili ja lernas E-on pere de la angla kaj do tiel lernante samtempe ambaŭ lingvojn. E-o kaj la esperantistoj ebligas al ili pli da konversacio, praktikado, la radikoj de E-o ofte samas kun tiuj de la anglaj vortoj. Mi mem kredas, ke la amuza kaj rapida lernado de E-o donas al ili memfidon, kiu helpas ilin ankaŭ en la lernado de la angla.

KS: *Kiel reagas je tio ĉio viaj kolegoj en la universitato?*
SH: Per ignorado. Ili konsideras nin stranguloj. Sed ili surpriziĝas, kiam la studentoj parolas-skribas pri E-o ĉe diversaj taskoj.

KS: *Kion vi konsideras via plej granda atingo en la laboro kun la studentoj?*
SH: Ke ili sufiĉe bone laboris kaj ke mi peris al ili agrablajn spertojn. Mi kredas, ke kelkaj el ili daŭrigos ankaŭ post la revojaĝo al siaj hejmoj. Ni iĝis bonaj amikoj kaj kun kelkaj el la antaŭaj grupoj mi daŭre restas en kontakto. Por mi estas ĝojo en si mem, ke mi havas la eblon fari kion mi ŝatas, je kio mi kredas.

## El la landoj kaj sekcioj…

### Armenio

Inter la 2-a kaj 8-a de aŭgusto estis aranĝita Internacia Semajna Lernejo en Armenujo (ISLA), kun partoprenantoj el Armenio, Irano, Israelo kaj Serbio. Ĝia programo konsistis el kursoj kun gvido de *Ina Elbakjan*, *Reza Torabi*, *Radojica Petroviĉ*; seminario en kiu prelegis *Reza Torabi, Gian Piero Savio* kaj *Radojica Petroviĉ* kaj turisma programo. Okazis ankaŭ du ILEI-kunsidoj kun konkludoj, ke ISLA povas fariĝi ĉiujara aranĝo; armenaj kaj iranaj e-istoj estas interesataj organizi ILEI-konferencon; necesas

plifortigi kunlaboron de esperantistoj el tiu regiono kun KAEM; eblas organizi ILEI-sekcion en Armenio; necesas plifortigi la rilatojn de la irana sekcio de ILEI kun la estraro kaj aliaj sekcioj.

*laŭ Radojica Petroviĉ, <rade@ikso.net>*

## Aŭstralio

La unuan mallongan vintran kursaron iniciatis pasintjare *Sandor Horvath* en Adelajdo. La provo estis sukcesa kaj la anoj de *Esperanto en Sud-Aŭstralio* decidis ripeti la aranĝon ankaŭ ĉi-jare. La 3-an kaj 4-an de junio 2006 kunvenis trideko da homoj en la elementa lernejo Hackham South, disponigita al ni danke al la loka instruisto-esperantisto *Gordon Coleman*. La komencantojn (7) instruis *Sandor Horvath*, la progresantojn (8) *Miranda Lutz* kaj *Igor Oliveira de Couto*, la 3-an nivelon (6) *Trevor Steele*. Inter la posttagmezaj programeroj estis ekz. projekciado de filmo, prelego pri la aŭstralia E-movado, prezento de la ĉina skribsistemo, komuna kantado. Al la gaja etoso multe kontribuis grupo da studentoj el Koreio, Italio, Ĉinio, kiuj estas en Adelajdo por perfektiĝi en la angla, sed kiuj lernis de sia instruisto Sandor ankaŭ E-on.

Dum la aranĝo funkciis ankaŭ libroservo, kies porinfanaj kaj porinstruistaj libroj estis fine de la kursaro donacitaj al la biblioteko de la gastiganta lernejo, kie danke al Gordon jam ekzistas grupo da junaj esperantistoj.

*laŭ Katarina Steele, <steele_trevor@hotmail.com>*

## Finnlando

En Popola Instituto de Valamo estis aranĝata la 7-a sinsekva E-kurso inter la 3-a kaj 7-a de julio 2006. La ĉi-jara kurso estis ĝis nun la plej internacia: la kursanoj venis el 4 landoj. La kursanoj dividiĝis en du grupoj. La ĉefinstruisto estis denove *Atilio Orellana Rojas* kaj kursogvidanto/ helpinstruisto *Tiina Oittinen*. [*vd la foton dekstre*!]



La regiona televida kanalo faris mallongan raporton pri la kurso en regionaj novaĵoj. En la jaro 2007 la kurso okazos inter la 23-a kaj 27-a de julio kun la samaj instruistoj/gvidantoj. Laŭbezone la kurso havos ankaŭ duan tuttempan instruiston.

*laŭ Tiina Oittinen, <eafsekretario@esperanto.fi>*

## Francio

**FRINGOJ en Grezijono (15-22 aprilo 2006)**

En ĉio, la unua provo estas ne facila. Post rezigno de grupoj el Ukrainio kaj Kroatio, kandidatiĝis rumana kaj litova grupoj. La rumanoj tamen ne povis veni, kaj el eksterlando venis nur la litova grupo, 7 gejunuloj (13- ĝis 16-jaraj) kaj la instruistino *Genovaitė Liepinia*. La francaj junuloj aĝis inter 7 kaj 17 jarojn. Sen konsideri la vizitantojn, kiuj ĉeestis kelkajn tagojn, ni estis 27 homoj en Grezijono, inter kiuj 9 plenkreskuloj. La nomo FRINGOJ, ***F****esta* ***R****enkonto* ***IN****ternacia de* ***G****eknab****OJ***, estis decidita en majo 2005, de la kerno de organiza teamo: *Francine Bounhoure, Jeanik Marolleau, Gérard Fillion* kaj *Elizabeth Barbay*. Per FRINGOJ, ni deziris proponi novstilan infan-renkonton. La celo estis starigi feston kun spektaklo kaj ekspozicio, malfermitan al la ekstera publiko. La lingvo-nivelo de multaj infanoj estis malalta, sed la amikeco rapide kreskis inter la gejunuloj. Oni instruis al iu kaj lernis de alia. – Venis la tago de la festo. Vizitantoj alvenis jam tagmeze, kaj la salono Zamenhof estis plenplena. En la unua parto de la spektaklo rolis dancantinoj, muzikantoj, kantantoj kaj deklamantoj. Komence de la dua parto, ombro-teatraĵo estis varme aplaŭdita. Sekvis aliaj belaj muzikaĵoj, kaj lumĵonglado, spektaklo neniam vidita antaŭe. La festo finiĝis per spektado de interesa filmo: „Litovio laŭ birda flugo”. Laŭ la ĝenerala opinio de tiuj kiuj travivis tiun semajnon, FRINGOJ en Grezijono estas aranĝo refarinda. Gvidantoj de E-kursoj estas kore invititaj kandidatiĝi kiel eble plej frue, kun grupo de lernantoj (inter 6-kaj 18-jaraj), por partopreni en FRINGOJ 2007. La nombro de senpagaj partoprenantoj estas difinota de GEE.

*laŭ Elisabeth Barbay, < eliz.barbay@wanadoo.fr>*

## Litovio

Ekde la lernojaro 2003/2004 en Vilnius Universitato Kaunas Humanisma Fakultato estas instruata E-o. Ekde la lernojaro 2005/06 ĝi estas duŝtupa: po 2 semestroj (po 32 akad. horoj) kaj finiĝas per ekzameno, ankaŭ valoras je 2 studunuoj. La kurso estas libere elektebla, instruas la sekretariino de Lit.EA, *Aida Čižikaitė*. La 28-an de aprilo, 2006 estis subskribita kontrakto en tri lingvoj (la litova, la angla, E-o) inter la fakultato kaj Norwich Jubilee Esperanto Foundation (NoJEF) pri financado. La 21-an de junio, okazis konkurso, kiun gajnis *Tadas Lavickas* kaj *Ieva Šivickytė*. Ili partoprenis en Somera Festivalo la 12-18-an de aŭgusto en Barlaston. Fondaĵo pagis

vojaĝkostojn restadkostojn kaj sanasekuron. Reveninte ili devos verki artikolojn en la litova lingvo por universitata gazeto "Universitas Vilnensis" kaj en E-o por "Brita esperantisto" kaj "Litova stelo". Pasintjare 4 studentinoj verkis kurslaboraĵojn ligitajn kun E-o.

*laŭ Povilas Jegorovas, <litova.ea@mail.lt>*

# Norvegio

**Bjørn Thuv (1927-2006)**



*Bjørn* ekinteresiĝis pri E-o en 1990, kaj li membris en NEL ekde 1991. Li tiam estis rektoro de mezlernejo en Ski, kie li starigis oferton de E-o kiel elektebla fako. Baldaŭ poste li pensiuliĝis kaj transloĝiĝis al la familia hejmo en Nøtterøy, kie li iniciatis lokan E-grupon. Ĝi poste plivastiĝis kaj aliĝis oficiale al NEL kiel Tønsberg E-klubo en 2000. En 1994 *Bjørn* aŭtoris, kunlabore kun Otto Prytz kaj Odd Tangerud, studplanon pri E-o por instruistaj altlernejoj, komisie de tiu de Bergen. Li respondecis pri la instruista fako de NEL kaj la norvega sekcio de ILEI (1993-2003). En la estraro de NEL li estis anstataŭanto (1991-93) kaj estrarano (1993-99). Ĝis lin trafis pli-malpli samtempe pluraj seriozaj malsanoj en 2000, li plurfoje faris esplorojn pri la rilatoj inter la E-movado kaj oficialaj instancoj kiaj Unesko kaj Foreningen Norden, kaj reprezentis NEL en ties jarkunvenoj kaj seminarioj. Li ankaŭ kampanjis por akcepto de E-o en la norvega Verda Partio.

*laŭ Douglas Draper*

# Rumanio

**Constantin Dominte (1944 – 2006)**

Aprezata rumana filologo, profesoro pri ĝenerala lingvistiko, li doktoriĝis en 1984 per disertacio pri *La neado en la rumana lingvo*. Li kunaŭtoris multajn gravajn volumojn, aperigis plurajn recenzojn kaj studojn en fakaj revuoj. Apartan atenton li dediĉis al tradukado de fakaj verkoj.

Inter la rumanaj esperantistoj *Prof. C. Dominte* estis la plej sperta filologo kaj tradukisto nuntempa. Mem lerninte la lingvon en la 60-aj jaroj, li estis



unu el la plej aktivaj esperantistoj. Li iniciatis kaj kunordigis la du-voluman *Dicționar esperanto-român și român-esperanto* (E-rumana kaj rumana-E-a vortaro, 1980, dua eld. 1990) por kiu li mem verkis la plej bonan ruman-lingvan enkondukon en la gramatikon de la lingvo. En 1990 kune kun sia disĉiplo kaj amiko *Jozefo E. Nagy* li redaktis Rumanan antologion pri la 20a-jarcenta rumana literaturo. Ne ellaseblaj estas ankaŭ liaj sennombraj kontribuoj en E-periodaĵoj ne nur eksterlandaj. Li multe kaj kompetente tradukis el la rumana literaturo kaj inverse. Li partoprenis en la landa movado i.a. kiel sekretario de la Kolektivo de E-Interlingvistiko (1978-1985) kaj por mallonga tempo li estis eĉ vicprezidanto de la Rumana E-Asocio (1990). Inter 1979 kaj 1985 li gvidis la E-kursojn en la Filologia Fakultato de la Bukareŝta Universitato. Lia forpaso estas granda perdo por la rumanoj, sed ankaŭ por Esperantio.

*laŭ Nicoleta Mendrea*

## Svedio

Sveda E-Instituto invitas al du-taga seminario en Karlskoga Popola Altlernejo de la 7-a ĝis la 8-a de oktobro 2006. Temo: *Informado, instruado kaj utiligado de E-o*. Kontribuontoj de la programo (i.a.): *Lars Forsman, Kim Henriksen, Radojica Petroviĉ, Håkan Lundberg* kaj *Sonja Petroviĉ-Lundberg.*

Kontaktadreso: *Larsespo@yahoo.se aŭ al_akerlund@yahoo.se*

## Usono

Ekde kelkaj monatoj mi zorgas pri la retejo de „Infanoj Ĉirkaŭ la Mondo" (*http://www.icxlm.org/*). Mi jam metis kelkajn librojn en tiun paĝaron, kaj estas antaŭpreparanta kelkajn aliajn librojn. La libroj estas precipe en E-o. Geknaboj de multaj landoj ilustris ilin. Kelkaj libroj havas klarigojn aŭ vortaretojn en la angla. La libroj estis kreitaj por instrui kaj paroligi infanojn, sed ili estas bonaj ankaŭ por aliaj komencantoj.

*laŭ Enrique Ellemberg, <Enrike@aol.com>*

# La 39-a Konferenco de ILEI en Parmo

**Spertoj kaj dankvortoj de *Luigia Oberrauch Madella*[2]**

Unue mi devas konfesi, ke tiu ĉi estas nia unua internacia aranĝo kaj kelkaj mankoj en la programo estas ŝulditaj al tiu ĉi fakto. Eĉ se mi nun pardonpetas pro ili, ili pro tio bedaŭrinde restas tiaj.

Kiel mi jam plurfoje eksplikis, la ĉefa celo de niaj klopodoj estis malfermi nian iomete fermitan rondon de instruistoj de E-o al la urba medio kaj al eblaj interesatoj, kiuj poste ja aperis. Ne estis granda nombro da ili, tamen ni devas konsideri, ke jam komenciĝis la feriperiodo kaj la somera varmo en la urbo ne estis tiom invita. Sed la homoj vidis, ke E-o funkcias, ke ĝi vivas, ke ĝi taŭgas al interhoma komunikado eĉ pri ĉiutagaj bezonoj kaj ĉiuj sukcesis iomete ĝui la amikan kaj gajan etoson de nia konferenco.

Aliĝis oficiale 74 homoj, sed estis multe pli tiuj, kiuj partoprenis en la unuopaj programeroj. Mi devas diri, ke ankaŭ tiu ĉi fakto estas ege grava. Por la ĝenerala publiko kaj unue por la ĵurnalistoj gravas povi rimarki, ke multaj homoj ĉeestas la inaŭguron, la lingvan festivalon kaj la sciencan simpozion. Estis ege bone, ke nia E-grupo de Parma kaj ankaŭ niaj geamikoj kaj gekolegoj komprenis tion. Precipe la prezidanto s-ro *Vittorio Madella* engaĝiĝis centprocente, por ke la manifestacio havu bonan sukceson. Sed ni vidis, ke manpleno da homoj povus fari malmulte kaj tiusence ILEI devus trastudi kriteriojn por tute aparta aliĝkotizo kiu estas pagenda de lokaj koncernaj uloj kiuj ja ne petas iun ajn servon de ILEI, sed nur deziras ĉeesti por povi babili kaj amikiĝi kun la gastoj el foraj landoj.

Helpis al ni multe nia kolegino s-ino *Nera Bocchi* kaj ŝia kuzo s-ro *Bocchi*, kiuj konas persone multajn aŭtoritatulojn de la urbo kaj la urbodomajn kaj provincajn skabenojn pri *Politiko por Infanaro kaj Lernejo*. Ni kune sukcesis konvinki ankaŭ estrojn de lokaj entreprenoj, kiuj tre larĝanime metis je nia dispono specimenojn de siaj produktoj, kiuj nun, en la bela kongresa mansako, estas vojaĝantaj al la foraj landoj de niaj ILEI-anoj kaj parolos mem pri la unika itala provinco Parmo kaj ĝiaj ĝentilaj enloĝantoj.

Trifoje raportis nia loka gazeto "Gazzetta di Parma" pri la ILEI-Konferenco kaj la hodiaŭa artikolo titoliĝas: *Esperanto Un convegno e un incontro in Comune – Parte da Parma il rilancio della "lingua della pace" (Esperanto*

[2] Intervjuo kun Mauro la Torre + kelkaj someraj raportoj – ekz. pri NASK, Tago de la Lernejo, Interkona vespero, Lingva festivalo, Internaciaj Ekzamenoj dum UK, landaj novaĵoj – pro manko de spaco aperos nur en IPR 06/4. Pardonu! – NdlR

*– Kunveno kaj renkontiĝo en la urbodomo – Ekiras de Parmo la relanĉo de la "lingvo de la paco").*

Mi deziras ĉi tie ne forgesi danki al ĉiuj homoj, kiuj nin helpis per financa kontribuo aŭ amika senpaga helpo aŭ eĉ nur per morala subteno:

- la urbestro d-ro *Elvio Ubaldi*,
- la komunuma skabeno d-ro *Giampaolo Lavagetto*, liaj sekretariino d-ino *Moira Balbi* kaj grafikisto d-ro *Andrea Begani*,
- la skabeno pri kulturo de la provinca administracio d-ro *Gabriele Ferrari* kaj lia sekretario d-ro *Pierluigi Utini*,
- lia moŝto Rektoro de la Universitato de Parma prof. *Gino Ferretti* kaj la direktoro de Fako pri Fremdaj Lingvoj prof-ino *Giovanna Silvani*,
- la direktoro de la Institucio de la Urbaj Bibliotekoj kaj liaj sekretariinoj d-ino *Fiorenza Bernardi* kaj d-ino *Chiara Cabassi*,
- la direktoro kaj la deĵorantoj de la *Instituto Salesiano San Benedetto,*
- s-ro *Marino Marmiroli*, respondeculo de la amasloĝejo de "Il Tulipano", kiu gastigis 5 niajn geamikojn,
- d-ro *Alessandro Simonini* de Massa, kiu montris al ni 2 belegajn E-filmojn dum la nacia vespero (kune kun filatela ekspozicio) kaj lia ĉarma filino d-rino *Alessia Simonini,* kiu donacis al ni intermezon muzikan per fluto dum la solena inaŭguro,
- d-ro *Ermanno Tarracchini* de Modeno, kiu kontribuis al la realigo de la interkona vespero, de la nacia vespero pere de lumbildoj pri kulturaj heredaĵoj de nia regiono Emilio-Romanjo kaj kiu – kune kun d-rino *Valeria Bocchini* el Bolonjo - veturigis nian irlandan ambasadoron d-ron *Seàn O' Riain* de la flughaveno de Orio al Serio (Bergamo) al Parma por ke li povu persone saluti la prezidanton de la provinca Administracio d-ron *Vincenzo Bernazzoli* dum la inaŭguro de la konferenco,
- d-ino *Mariangela Baroni*, ludistino de fortepiano, kaj ŝia amikino *Giuliana Pellegrino*, soprano, kiuj donacis al ni tre aprecatan koncerteton de lirika muziko antaŭ la bankedo,
- d-ro *Michele Gazzola,* kiu pretis agi kiel sekretario de la scienca komitato de la simpozio,
- d-ro *Davide Astori,* kiu havigis al ni la apogon de la prof-ino Giovanna Silvani,

- s-ino *Michela Lipari* pro la majstra tradukado la 26-an kaj la 27-an de julio,
- d-rino *Laura Brazzabeni* kaj s-ino *Cosetta Bernardi,* kiuj tradukis la ĉiĉeronadon de la itala gvidistino dum la enurbaj ekskursoj al la "Mezepokaj Juveloj" kaj al "Muzeoj de Parma",
- nia sperta fotisto s-ro *Eddy Vallara*.

Kaj certe ni devas danki ankaŭ al la estraro de ILEI kune kun d-ro *Mauro La Torre,* kiu plurfoje respondis ĝustatempe al niaj demandoj donante saĝajn konsilojn.

## La Konferenco per la okuloj de *Jennifer Bishop*

Varmega, ne nur la vetero kaj piedoj sed ankaŭ la programo kun rapida sinsekvo de programeroj en tre informa kaj profesie presita 'Konferenca Libro'. Partoprenantoj estis 74 el 24 landoj, kiuj tre amike renkontiĝis la unuan vesperon por interkonatiĝi kaj prezenti siajn kulturojn per diversaj bongustaj manĝetaĵoj. La multkultureco evidentis.

Kvankam ni utiligis 7 diversajn salonojn ĉe Instituto Salesiano kun la nomoj de famaj italaj instruistoj de E-o, LKK ankaŭ tre saĝe aranĝis eventojn en la komunumo de Parma por certigi, ke ILEI-Konferenco estu diskonigata. Tiucele okazis Lingva Festivalo kaj Scienca Simpozio, ambaŭ bone organizitaj, kvankam pro invitita partoprenado kaj prelegado de universitataj profesoroj pli bone sukcesis la Scienca Simpozio. Je la fino de vigla diskutado, tradukita ege flue de *Michela Lipari*, ĉiuj interkonsentis pri la necesa valoro 'toleremo'. La prelegoj estis tre diversaj:

– Lingva justeco kaj Eŭropa identeco – ĉu kongruaj?– *Sean O Riain*
– La projekto AKEL 2 (Alternativa Komunikado inter Eŭropaj lernejoj – *Ermanno Tarracchini*
– Lingvaj rajtoj kaj lingvolernado en Ukrainio – *Nina Daniljuk*
– E-instruprojekto por egalrajta komunikado inter ĝemelaj urboj – *Zsófia Kóródy*
– Kunordigo de projektoj, kiuj celas demonstri la propedeŭtikan valoron de planlingvoj, kiel Esperanto – *Michael Cwik*
– Hungara abiturienta sistemo – *Márta Kováts*
– Instruado de Esperanto – spertoj el Kroatio – *Marija Belošević*
– Historio de la kroata lingvo – *Marija Jerković*
– Esperanto kaj Mondcivitaneco – *Ronald Glossop*

– Kiel uzi la DVD-kurson ‘E-o, Pasporto al la tuta mondo’ – *Lusi Harmon*
– Projekto-verkado – gvidis *Eva Polakova,*
– E-o kaj la lerneja interkultura edukado – *Mihai Trifoi*
– Lingva egalrajteco, lingvaj rajtoj, lingvaj hom-rajtoj: kien-a itinero – *Ranieri Clerici*
– InterKulturo – *Radojica Petrović.* Partoprenantoj de la seminario InterKulturo, por pli bone kompreni kiel la projekto funkcias, dividiĝis en tri grupojn, simulis esplorinterŝanĝon pri tri diversaj interkulturaj temoj kaj fine raportis pri la esplorrezultoj.

Por ĝui ĉiun tagon de la Konferenco, krom partopreni komitatkunsidojn, necesas intermiksi ĉeeston ĉe la interesaj kaj diversaj prezentaĵoj de la partoprenantoj kun la ebloj lerni kaj ĝui la kulturon de la gastiga regiono. Tio certe eblis per tre bela nacia vespero de popoldancado, arta vespero kun pensiga monologo *Kalabria paŝtisto* de *David Kelso* kaj per duontagaj ekskursoj. En la unua tago ni promenis tra puraj historiaj stratetoj al preĝejoj kaj placoj, kaj ĵaŭde per aŭtobuso al impona, interne belege pentrita kastelo, ambaŭ kun tre detalaj historiaj informoj, pasie rakontitaj.
Kiel fina kroniĝo de la ILEI-Konferenco ni ne forgesu la tre elegantan bankedon ĉe *Restoracio Verdi,* kie ni ĝuis ankaŭ salonkoncerton de liaj operaj kantoj de tre ĉarma soprano. Por ĉi tiu memoraĵo kaj por la detala planado kaj elkora prilaborado de la kvar tagoj ni dankas la sindediĉon de *Aida Čižikaitė*, komisiito pri konferencoj, *Luigia Oberrauch Madella* kaj *Vittorio Madella* kaj ĉiuj aliaj laboremaj membroj de LKK.

### **Pri la simpozio** *(raportas Michele Gazzola)*

La simpozio okazis la 27-an de julio en la universitato de Parma, kun la titolo *Lingvaj rajtoj, lingvolernado kaj edukado por ĉiuj*. Ĝin partoprenis ĉ. 60-70 personoj, inter ili estis ankaŭ ne-esperantistaj fakuloj, ekz. *prof. Mezzadri*, *prof. Carli*, *prof-ino D’Agostini* kaj *prof-ino Silvani*, kiu afable akceptis inaŭguri la aferon.
Malfermis la laborojn *D-ro Davide Astori* per la prelego *E-o en Parma kaj la rolo de Canuto*. Sekvis du el la plej gravaj prelegoj, nome tiu de *Prof. Humphrey Tonkin*: *Fremdlingva studado en Usono: Demandoj kaj problemoj*, kaj tiu de *Prof. Augusto Carli: Lingvoj de la internacia scienca komunikado.* En la dua sesio de la simpozio la partoprenantoj aŭskultis la prelegojn de *prof. Mauro la Torre*: *Interlingvistika edukado: strategioj kaj solvoj* kaj de *Federico Gobbo: Pedagogiaj modeloj por la distanca*

*lingvolernado. La kazo de E-o.* Fine, sekvis la prelegoj de *Jean-Pierre Boulet: Lernado de E-o kiel edukado al paco* kaj de *Aida Čižikaitė: Poliglotoj – produkto de multlingva medio.*
Dum la lasta duonhoro okazis interesa kaj riĉa debato inter la partoprenantoj kaj la prelegantoj kaj mallonga prezentado de la *Nitobe Centro por lingva demokratio* fare de *Michele Gazzola*.
La reagoj, inkluzive tiujn de ne-esperantistoj, ĝenerale estis tre pozitivaj. Grandan dankon oni devas esprimi al gesinjoroj *Vittorio* kaj *Luigia Madella* por ilia helpo en la teknika organizado de la simpozio. La tekstoj aŭ la resumoj de la prelegoj haveblas ĉe: *http://www.ilei.info/agado /programo_web.htm.*

## Koncizigita financa raporto pri 2005

Detala financa raporto, konsistanta el la rezultkalkuloj de 2004 kaj 2005, la buĝeto por 2006, la bilancoj kaj la evoluoj de la diversaj fondusoj estis senditaj al la komitatanoj kaj diskutitaj dum la kunsidoj en Parma. Tiuj membroj kiuj ŝatus ricevi tiujn detalajn dokumentojn, bonvolu peti al la kasisto - mi volonte sendos!

Dum la jaro 2004 el financa vidpunkto estis tre bona por ILEI, 2005 montras pli zorgan bildon, kun trendoj kiuj riskas daŭri en 2006. Nur pro tio, ke en 2005 ILEI ne faris grandan investon en siaj projektoj – kiel ni faris en la finance bonega jaro 2004 – ni povis fini la jaron kun modesta profito de 790 EUR. Ĉi-sube kelkaj komentoj pri la plej gravaj punktoj de la rezultokalkulo.

La konferenco en 2005 okazis en lando kun relative favoraj prezoj. Malgraŭ lastminutaj ne-antaŭviditaj plialtiĝoj de kelkaj kostoj la konferenco bone kontribuis al la enspezoj de ILEI, per pli ol 2000 EUR. Notu, ke sen tiu profito la jaro 2005 estintus deficita!

Sendokostoj de IPR en 2005 iom falis kompare al 2004, sed pro lastatempaj problemoj pri sendado kaj ŝanĝo al alia ekspedfirmao antaŭvideblas pli altaj kostoj por 2006. Nepre ni trovu malpli kostan solvon por la estonto. Plej urĝe bezonata por tio estas serioza esplorado (kiu helpos?) kaj pretigo de propra reta membro-administra sistemo.

Informado estas kaj restas malforta flanko de ILEI. Kvankam la buĝeto ĉiam antaŭvidas elspezojn por materialo por varbi ekzemple dum UK,

praktike mankas laborfortoj por elspezi tiujn sumojn. En 2005 eklaboris volontulo kun eta honorario por almenaŭ iomete pligrandigi la laborfortojn, sed tio ankoraŭ tre malsufiĉas.

Dum la kotizoj en 2004 mirinde bone sekvis la buĝeton, en 2005 okazis grandega falo de la kotizoj el B-landoj, kiu nur parte estas klarigebla per la populareco de la kategorio "membreco kun nur reta eldono de IPR". La membronombroj kaj la kotizpagoj el B-landoj meritas grandan atenton por ŝanĝi tiun ĉi tendencon.

*Juna amiko* en 2005 plikostiĝis kompare al 2004, dum bedaŭrinde falis la enspezoj. Ankaŭ tiu ĉi temo meritas la atenton de la estaro dum 2006 kaj 2007. Prilaborata nova administra sistemo povus liberigi iom da laborfortoj de la respondeculoj de *Juna amiko*, sed pli da subteno de volontuloj ŝajnas utila.

Laboro pri *Tendaraj Tagoj 1* estis daŭrigata, sed ankoraŭ ne kaŭzis la elspezojn atenditajn jam en 2004. Por kovri la preskostojn, en 2004 1000 EUR estis rezervitaj (en fonduso Szerdahelyi) por tiu eldono, kiu povus okazi en fino de 2006 aŭ 2007. En 2006 intertempe okazis re-eldono de la *Manlibro pri instruado*, de kiu ni esperas vendi plejparton dum tiu ĉi jaro.

En 2004 ILEI ricevis duoblan subvencion de UEA, ĉar ne estis subvencio en 2003. En 2005 kaj 2006 la subvencio revenis al sia kutima nivelo. La subvencio de 2004 i.a. rekte helpis al la projektoj "Flugiloj de malfacila vento" kaj "InterKulturo". Ankoraŭ nun kaj en Fonduso InterKulturo kaj en Fonduso Flugiloj estas sufiĉa sumo disponebla por signifa agado – aldonaj laborfortoj serĉatas!

Por 2006 estas antaŭvidata signifa vendo de libroj, kun tamen nur modesta efiko al la rezulto de tiu jaro – temas pri represo de la *Manlibro pri instruado*, de kiu ambaŭ preskostoj kaj vendoj ĉefe okazos en 2006.

*Sjoerd Bosga, estrarano pri financoj*

# Decidoj de la Komitato de ILEI

La Komitato kunsidis la 26-an kaj 28-an de julio 2006, entute 5 horojn. Jen resumo de ĝiaj decidoj kaj konkludoj. Estis aprobitaj:

- aliĝpetoj de sekcioj en Danio kaj Benino
- raportoj estrara, sekciaj, financa kaj de la komisionoj elekta, ekzamena kaj kontrola
- buĝeto de ILEI por la jaro 2006, kun senŝanĝaj kotizoj

- ŝanĝo de la punkto 7.3.3.1 de la Interna Regularo tiel, ke ĝi nun tekstas: *Sekciestro devas esti membro jaron antaŭ la elektojaro kaj resti membro tra la tuta mandato.*
- okazigo de la 40-a Konferenco en Japanio, en la jaro 2007 (pliaj informoj en ĉi tiu numero kaj ĉe *www.ilei.info*)
- plano okazigi la 41-an Konferencon en Benino, 2008 (informoj en ĉi tiu numero, kaj pliaj ĉe *http://www.ilei.info/novajxoj/41a_konf_Afriko.pdf*)

La Komitato dankante al la ĝisnunaj estraranoj kaj komisionanoj pro ilia laboro, elektis:

- Honoran membron Géza Kurucz
- Estraron de ILEI, prezidanton, sekretarion kaj kasiston (vidu p. 2.)
- Internacian Ekzamenan Komisionon (IEK) de ILEI/UEA (vidu p. 39.), por kiu poste voĉdonis ankaŭ la Komitato de UEA en Florenco, la 4-an de aŭgusto
- Elektan kaj Kontrolan komisionojn (vidu p. 2)

kaj aprobis agadprioritatojn kaj gvidliniojn por la periodo 2006-2009 (vidu la sekvan artikolon).

Estis konstatita problemo de neaktivaj sekcioj kaj reprezentantoj, kaj la Komitato:

- komisiis al la Estraro analizi ilian staton kaj trovi manieron por ilia reaktivigo, aŭ proponi estingon / eksigon
- petas al pli fortaj sekcioj helpi al la malfortaj per patroneco aŭ alimaniere.

La Komitato pozitive taksis la 39-an Konferencon de ILEI en Parmo kaj dankis al la lokaj organizantoj *Luigia* kaj *Vitorio Madella* kaj iliaj kunlaborantoj, kaj al estrarano pri konferencoj *Aida Čižikaitė* pro la organizaj klopodoj kaj sukceso.

## Agadprioritatoj kaj gvidlinioj de ILEI por la periodo 2006 - 2009

1. **Instrukapabligado**
   1.1. Daŭrigi la projekton ”Flugiloj de malfacila vento” kaj plifortigi la projektoteamon
   1.2. Daŭrigi kaj pliintensigi trejnadon de grupgvidantoj kaj helpantoj de la projekto InterKulturo

1.3. Definitivigi kaj aplikigi la Principaron (regularon) pri Metodikaj Seminarioj kaj ebligi eldonadon de ILEI-diplomoj pri instrukapablo de Esperanto
1.4. Akcepti kunlaboron pri Interlingvistikaj Studoj de UAM en Poznań (metodika fako en la tria studjaro) kaj instigi samcelan kunlaboron kun aliaj universitatoj kaj edukcentroj
1.5. Plifortigi komunikadon inter E-instruistoj

**2. Plia modernigo de lernado, instruado kaj ekzamenado de E-o**

2.1. Krei Eŭropan Lingvan Dokumentujon – Modelon por Esperantistoj kaj proponi ĝin al la Validiga Komitato de la Konsilio de Eŭropo
2.2. Evoluigi diversnivelajn ekzamenojn pri E-o laŭ la Komuna Eŭropa Referenckadro por Lingvoj – Lernado, Instruado kaj Taksado
2.3. Instigi harmoniigon de instruado kaj ekzamenado de E-o al lingvaj kriterioj kaj normoj ĝenerale aplikataj en oficialaj eduksistemoj (ekzemple lingvonormoj de ACTFL en Usono, aŭ aliaj en aliaj mondopartoj)
2.4. Harmoniigi instrukapabligadon al tiuj normoj kaj postuloj
2.5. Pliamasigi kaj modernigi la internaciajn ekzamenojn de ILEI/UEA inkluzive de funkciigo de ekzamenoj pri instrukapablo de E-o

**3. Organiza plifortiĝo, tutmondiĝo kaj malfermiĝo**

3.1. Plifortigi kaj pliampleksigi ILEI-agadon en ekstereŭropaj kontinentoj
3.2. Utiligante la Koleghelpan Kason, kunlabore kun UEA kaj ĝiaj institucioj kaj alimaniere starigi novajn reprezentantojn kaj sekciojn precipe en malriĉaj ekstereŭropaj landoj
3.3. Plimultigi kaj plijunigi la membraron
3.4. Solvi la demandon de sekcioj kaj reprezentantoj kiuj ne plenumas la statutajn kondiĉojn por pluekzisto
3.5. Daŭrigi kaj plifortigi kunlaboron kun aliaj esperantistaj kaj neesperantistaj institucioj en la kampoj de edukado kaj kulturo (Unesko, FIPLV, universitatoj, UEA, TEJO, AIS, E-kulturcentroj k.a.)
3.6. Teni kaj plu altigadi la kvaliton kaj programan riĉecon de la konferencoj
3.7. Plifortigi laboron de la komisionoj

3.8. Trovi novajn komisiitojn kaj kunlaborantojn por agadkampoj kaj taskoj, kiujn ne povas kovri la estraranoj kaj plifortigi la rolon de ILEI-sekcioj en la realigado de la agadplano de ILEI

4. **Informado**
   4.1. Plifortigi komunikadon de la estraro kun la sekcioj kaj inter la sekcioj
   4.2. Plifortigi informadon pri ILEI en kaj ekster la E-komunumo inkluzive de produktado de diverslingvaj paperaj kaj elektronikaj informmaterialoj
   4.3. Teni kaj plialtigi la kvaliton de IPR kaj JA
   4.4. Pluevoluigi kaj teni aktuala la retpaĝaron de ILEI

# Novaj estraranoj...

## Yas Kawamura[3]

Naskiĝis (1964) kaj plenkreskis en Japanio, ekde 2006 (denove) loĝas en



Japanio kun edzino, filino (7) kaj filo (4). Diplomiĝis en Kioto-Universitato por Fremdlingvaj Studoj (la ĉina). Parolanto de E-o, la angla, ĉina kaj la japana. Esperantistiĝis en 1995 en somera kurso de SFSU (en Usono). Dum 10 jaroj laboris en EPA (E-Populariga Asocio – E-fako de Oomoto) kaj redaktis la gazeton Nova Vojo. Helpanto de LKK por la 92-a UK en Jokohama. Studento pri esperantologio en UAM (Pollando) ekde la jaro 2005. Membro de ILEI, UEA, EPA, JEI (Japana E-Instituto), estrarano de AEF (Aŭstria E-Federacio). Organizanto de la kongreso de japanaj esperantistoj en la jaro 2003 en Kameoka.

Instruas E-on ekde la jaro 1996 en Japanio kaj Koreio, dum la lastaj du jaroj gvidas kursojn jam ĉiutage. En januaro 2006 diplomiĝis 7 novaj kursgvidantoj en EPA el lia kurso. Nun gvidas seminarion por instruistoj kaj kurson por komencantoj. Redaktas hejmpaĝon tiel helpante la

[3] La biografiojn mallongigis la Redaktoro!

lernantojn, vd. *http://blog.livedoor.jp/d0y0b_yas/.* Verkis la libron: Metodo de spertulo (kun japana titolo. ISBN4-88756-055-9 C-0080 Y1524E: 2002) Partoprenis UK-ojn en Tampere, Telavivo, Zagrebo, Gotenburgo, Pekino, Vilno kaj Florenco. Partopreninto de ILEI-konferencoj en Bratislava kaj Kaunas.

## Zsófia Kóródy

Naskiĝis en Hungario. Parolataj lingvoj: la hungara (gepatre), angla, E-o, germana, rusa (baza). Inter 1975 kaj 1980 studis en la Universitato ELTE (Budapeŝto) en la fakoj angla, hungara kaj E-o. Estas diplomita instruistino pri tiuj 3 lingvoj.

1980-87: dungito de HEA (respondeca pri instruado kaj ekzamenado).
1980-81: partatempa instruistino de E-o en bazgrada lernejo.
1987-2003: instruistino pri la angla kaj E-o en Németh László Gimnazio.
1989-97: instruistino de la angla en la Budapeŝta Teknika Universitato.
1994-98: partatempa dungito de la Akademio de Belartoj: instruistino de la angla kaj respondeculo pri internaciaj kontaktoj.



[Surfote: *Zsófia Kóródy dum la inaŭguro de nia konferenco en Parma. Fotis Sjoerd Bosga. Lian kompletan fotaron vidu ĉe* http://fotoj.homeip.net]

1995-2006: mentoro pri instrupraktiko: en sia mezlernejo ŝi gvidis kaj superrigardis la instrupraktikon de la studentoj el 3 budapeŝtaj universitatoj. E-aktiveco: gvidis/as lingvokursojn, ankaŭ rekt-metode, organizis tendarojn, konferencojn (ekz. ILEI-Konferenco en 1981), landajn E-renkontiĝojn. Iamaj/nunaj titoloj, funkcioj: vicprezidanto de HEJ (Hungara E-Junularo), komitatano de TEJO, vicprezidanto de TEJO, helpanto-organizanto de TEJO- kaj UEA-kongresoj en Hungario en 1983, estrarano de HEA, gvidanto de Instru- kaj Ekzamenkomisiono de HEA, rajtigita ekzamenanto de IEK, ekstera kunlaboranto respondeca pri E-instruado ĉe la Hungara Edukministerio, ekzamenanto por E-o ĉe la hungara ŝtata lingvo-ekzamenkomisiono (ITK), honorofica kunlaboranto/instruisto por Inter-

kultura Centro en Herzberg, komisiito de GEA por instruado. Ekde 2006 estro de la germana ILEI-sekcio.
Publikaĵoj: artikoloj en E-gazetoj, Gramatika Ekzercaro (eldonis: Hungara E-Asocio, Bp. 1987. – 105 p.), kunlaboranto de Hungara–Esperanta Meza Vortaro (HEA, 1996).

## Mihai Trifoi

Naskiĝis en Sighetu Marmatiei, Rumanio (1944), studis en la Trijara Pedagogia Instituto (Baia Mare), en la fako pri la rumanaj lingvo kaj literaturo, komencis instrui en la jaro 1967.



1972-74: sekvis E-kurson en la kulturdomo en Sighet;
1974: sekvis la 20-tagan Internaciajn E-Kursojn en Burgas (Bulgario) kaj sukcesis ĉe la ekzameno por instrurajto;
1974-75: instruis E-on en la kulturdomo en Sighet;
1975-1978: post translokiĝo, prezidanto de la Fervojista E-Klubo de Braŝovo; organizis Tutlandan E-Renkontiĝon; estis membro en la E-Kunordiga Komitato, kaj poste tiu de la E-Interlingvistika Kolektivo de la Akademio de Sociaj kaj Politikaj Sciencoj; laboris kiel kultura kaj sporta instruktoro ĉe la Asocio de la Nevidantoj, kaj instruis E-on al grupo de nevidantoj, muzikantoj; partoprenis la UK-on en Varno (1978)
1978-1979: translokiĝis al Baia Mare, kie estis direktoro de studentdomo;
1979: translokiĝis en la urbon Sf. Gheorghe, kaj post kelkaj jaroj al Bixad, kie instruas kaj loĝas ankaŭ nun;
1990: post la revolucio en Rumanio rekomencis agi fervore, fondis la E-Filion de EAR en la urbo Sf.Gheorghe kaj partoprenis la perfektigajn Internaciajn E-Kursojn en Pisanica, grupo „C" (Bulgario); partoprenis la unuan postrevolucian E-Kongreson de EAR.
1991: partoprenis la 9-an Internacian Metodikan Seminarion (1991, Odorheiu Secuiesc) kaj trapasis la mezan ekzamenon de ILEI/UEA;
1994-1995: "oficialigis" la E-instruadon en la Lernejo "Mikes Ármin" en Bixad per E-kurso al 23 gelernantoj kaj partopreno en la Fundapax-projekto, LOI-eksperimento;
1995: fondis la Lernejan Ekoturistan Klubon "Esperanto kaj Naturo";

1996: verkis kaj eldonigis la libron "Esperanto (kurso por rumanoj)";
1996-2006: instruis kaj akompanis gelernantojn al IIK-oj en Ĉeĥio, Britio, Francio, Germanio, Israelo, Kroatio; organizis somerajn E-kursojn por lernejanoj; verkis artikolojn por E-revuoj, kaj ankaŭ por rumanaj ĵurnaloj; partoprenis la UK-jn en Prago, Montpeliero, Berlino, Tel-Avivo, Zagrebo, Gotenburgo, Vilno, Florenco; partoprenis la 57-an IFEF-Kongreson (Braŝovo, 2005); partoprenis la ILEI-konferencojn en Karlovy-Vary, Ore-strando, Kaunas, Parmo; partoprenis kun gelernantoj en la E-projektoj: LUDEUXREJO (Socrates/Comenius1), InterKulturo 1 (kiel la unua kandi-dato); partoprenis la nacian projekton Procter & Gamble, surbaze de la E-agado kaj gajnis informadikan laboratorion por la lernejo de Bixad; iniciatis, kunlabore kun Ton Verwoerd, la Projekton Bixad; kunlabore kun EAR, organizas la Semajnan E-Staĝon en Timiŝoara (01-05.09.2006);
2001-2006: vicprezidanto de EAR (E-Asocio de Rumanio);
2003-2006: ILEI-komitatano kaj estro de la rumana ILEI-sekcio;
2005- : membro en la komisiono por la lerneja agado.

## Biografietoj de la membroj de Scienca Komitato

*(II-a parto)*

**Duncan Charters** *(Usono)*



Duncan Charters magistriĝis pri lingvoj (franca kaj hispana) en la angla Univer-sitato de Kembriĝo (Cambridge) kaj dokto-riĝis pri la hispanaj lingvo kaj literaturo en la usona Universitato de Indiana.
Prezentadis al konferencoj de lingvo-instruistoj pri diversaj aspektoj de la instruado, inkluzive instruadon de aŭs-kultokompreno kaj kulturo, ekzamenadon, kaj uzadon de teknologiaj rimedoj.
Instruadis diversnivelajn E-kursojn inklu-zive instrumetodojn, verkis kaj kontribuis pri tiuj temoj, kaj servis kiel prezidanto de ILEI kaj de IEK.

**Maria Majerczak** *(Pollando)*

Polino, filologo. Studis latinidan filologion (fakoj: francaj lingvo kaj literaturo, lingvoinstruado) en Jagelona Universitato, en Krakovo. Instruistino en tiu universitato. Metodikistino, trejnistino de instruistoj de fremdaj lingvoj.



Verkis artikolojn pri la propedeŭtika valoro de E-o, aplikata lingvistiko, universitata trejnado de lingvoinstruistoj; monografion pri E-o kiel propedeŭtiko de lingvoj (ne publikigita).

E-aktivis en la infan- kaj studentaĝo. Ekde 1995, instruistino de Esperanto en Jagelona Universitato (oficiala kurso *Esperanto-lingvo kaj kulturo*, elektebla kiel deviga). Kunlaborantino de la E-fako en Poznań. Diplomita instruistino de la pola kiel fremda lingvo. Pola ILEI- sekciestrino. Fondis kaj gvidas E-institucion (ICK) kaj kelkajn agadojn en la kampoj: eduka, scienca, kultura (kun reliefigo de la E- muziko) kaj ĵurnalisma (*http://www.esperanto-reto.org*).

**Geraldo Mattos** *(Brazilo)*

Naskiĝis en 1931, esperantisto ekde 1947. Li eniris en la Akademion de Esperanto en 1970 kaj fariĝis ĝia prezidanto en 1998. Doktoro pri la portugala lingvo, verkis plurajn librojn en la portugala kaj en Esperanto, beletrajn kaj lingvajn. La du lastaj: *Vortaro Infana* (en la portugala), 3-a eld., 2005, 776 p. kaj *La Esperanta Vortokonsisto*, kun propra teksto sen supersignoj, 2006, 113 p.



En 1996 estis elektita de la Sekretario pri Sciencoj de la Ŝtato Paranao Verkisto de la Jaro, kies premio estis vizito al Britujo. Inter liaj manioj elstaras la devo prezenti la veran sencon de niaj participoj, kies veran uzon maltrafis ne nur li, sed almenaŭ dufoje ankaŭ Zamĉjo mem...

**Balázs Wacha** (*alie Blazio Vaha, Hungario*)

Naskiĝis en 1948 (Hungario, urbo Győr), diplomiĝis pri filologioj hungara, rusa kaj Esperanta en la Budapeŝta Universitato Rolando Eötvös („ELTE”) en 1973. Akiris titolon de universitata doktoro pri lingvistiko en 1978.



Instruadis la rusan lingvon kaj E-on en urbo Szombathely (1973-1981). Laboras kiel esploristo de la Hungara Akademio de Sciencoj de 1981. Praktikis kaj praktikas denaskismon. Instruadis diverstempe E-on al infanetoj, pli aĝaj infanoj kaj gestudentoj. Akiris titolon de scienca kandidato pri lingvistiko en 1993. Lekciadis pri E-o, pri ĝenerala kaj aplikata lingvistiko, pri tensoj kaj aspekto en la lingvoj, ĉe la universitatoj kaj altlernejoj (urboj Szombathely, Poznań, vilaĝo Piliscsaba). Lia romano *Adolesko* aperis en 1976. Liaj lingvaj ludoj kaj eksperimentoj estas legeblaj en la elektronika reto (*Kreado*, *Esperantopoezio* ktp.) Liaj artikoloj pri E-o kaj verkoj en E-o aperadis en hungarlingvaj kaj E-lingvaj revuoj kaj volumoj: en *Magyar Nyelv, Régió, Kontrasztív szemantikai kutatások, Variabilitás és nyelvhasználat, Esperantologiaj kajeroj, Planlingvistiko, Literatura Foiro, La Gazeto, Hungara Vivo, Acta Interlinguistica, Studoj pri Interlingvistiko*, en *Memorlibro de la Budapeŝta E-fako*, en *Internacia familio: utopio aŭ realaĵo*, en *Struktura kaj Socilingvistika Esploro de E-o* kaj aliaj periodaĵoj kaj volumoj. Liaj temoj koncerne E-on: dulingveco, tempo kaj aspekto, la lingva evoluo de E-o, terminologiaj konsideroj. Li kunlaboras kun *edukado.net*. Li estas kunredaktinto de la *Hungara-Esperanta Mezvortaro* ĉefredaktita de István Szerdahelyi kaj Ilona Koutny.
Ĉefaj esplortemoj nunaj: historia sintakso de la hungara lingvo, verba aspekto, la (lingvo)historio kaj la stato de E-o.



**Ilona Koutny** *(Hungario/Pollando)*
Diplomiĝis pri matematiko, franca filologio kaj esperantologio en la Budapeŝta Eötvös-Universitato (HU) en 1977, kaj doktoriĝis pri lingvistiko en 1990. Unue ŝi laboris en komputika tereno, poste kiel redaktisto, ankaŭ ĉe la iama Scienca Eldona Centro de UEA (1983-85). Ŝi okupiĝas pri parolprilaboro kunlabore kun la Budapeŝta Teknika Universitato, kunevoluigis la E-an parolsintezan sistemon ESPAROL enkadre de plurlingva parolsinteza sistemo, kaj laboris pri

parolantaj instruprogramoj PAROLERN. Ŝi kunlaboris ankaŭ kun la maŝintraduka DLT-projekto. Post la morto de prof. Szerdahelyi en 1987, ŝi transprenis la instruadon de E-aj lingvo kaj lingvistiko ĉe la Lingvistika Katedro de Eötvös-Universitato. Tie ŝi prelegis ankaŭ pri komputa lingvistiko. Ŝi prezidis la Ekzamenan Komisionon de Hungara E-Asocio. En 1996 ŝi translokiĝis al Pollando, kie ŝi instruas en la Lingvistika Instituto de la Universitato Mickiewicz en Poznań. En 1997 ŝi fondis tie kaj gvidas la internaciajn postdiplomajn Interlingvistikajn Studojn, prelegas pri E-a gramatiko kaj internacia kaj interkultura komunikado. Asista docento ĉe la Akademio Internacia de la Sciencoj, San Marino, membro de la CED-estraro, UEA, ILEI kaj ekde 1998 de la Akademio de E-o. Ŝi ofte prelegas pri sciencaj temoj en diversaj forumoj (IKU, Esperantologia konferenco, AIS-sesioj, KCE), gvidas E-kursojn en diversaj niveloj (ekz. dufoje en Usono en la somera universitato) kaj publikigas en kelkaj lingvoj. Ŝi kunredaktis la *Hungaran-Esperantan vortaron* (1996) kaj la *Hungaran-polan temvortaron* (2000). Ŝi laboras pri la plurlingva projekto *Strukturita Esperanta Temvortaro*, de kiuj jam aperis 3 volumoj kun leksikaj kaj komunikaj ekzercoj: *Angla-Esperanta-Hungara etvortaro pri Lernado kaj Laboro* (2002), *Lingvo kaj Komunikado* (2003), *Homa vivo kaj Loĝado (2005).*



**Radojica Petroviĉ** *(Serbio)*
Radojica Petroviĉ (nask. 1949), edukisto pri matematiko kaj informadiko kun magistriĝo pri aktuaria matematiko, nun estas asista universitata instruisto pri datumbazoj kaj komputika instrumetodiko. Okupiĝas pri esplorkampoj de informadiko, kvalitsistemo, prikomputila edukado kaj perkomputila sciakirado inkluzive de perkomputilaj lernado de Esperanto kaj interkultura lernado.
Esperantisto ekde 1967, verkis infan-gazetan E-kurson, beletrajn tradukojn el kaj al Esperanto, recenzojn kaj originalajn E-versaĵojn por infanoj, kaj gvidis lernejajn kaj eksterlernejajn E-kursojn kaj E-metodikajn seminariojn.

*(daŭrigota)*

**La 41-a Konferenco de ILEI**

# ILEI-Konferenco en Afriko – Kial?

**Ĉar:**

- **E-agado en Afriko bezonas sian ILEI-dimension:**
  - en Afriko estas multaj lernemuloj kaj malmultaj instruistoj de E-o
  - instrukapabligado estas prioritata tasko de ILEI




- **Esperantistaj instruistoj de Afriko deziras pli firme komunikiĝi kun siaj kolegoj el la tuta mondo por:**
  - spertiĝi pri ILEI kaj lerni el ĝia historio
  - perfektigi siajn lingvokapablojn kaj spertiĝi pri didaktiko
  - plikonatiĝi kun instrumaterialoj, helpiloj kaj metodoj por E-instruado
- **Afrika E-ujo povas oferti al la tutmonda E-movado multon, sed:**
  - vojaĝoj al E-aranĝoj en aliaj mondopartoj estas tro multekostaj por esperantistoj el Afriko
  - malmultaj vojaĝoj kaj vizitoj per helpo de amikoj de Afriko ne sufiĉas

ILEI-konferenco en Afriko estos grava evento por la E-movado entute, por la historio de ILEI kaj por la E-movado en Afriko. Partoprenu la konferencon por kuraĝigi la samideanojn en Afriko kaj omaĝi iliajn klopodojn por disvastigado de E-o en la tuta mondo. Financa helpo por subvencii partoprenon de kiom eble pli da instruistoj kaj instrukapabligadon de junaj instruemuloj el Afriko bonvenos al la konto ilek-a de ILEI ĉe UE, aŭ al Afrika Fondaĵo de UEA, ĉiam kun indiko "Benino 2008".

IPR 06/3➢34

# La 40-a Konferenco de ILEI, 11 – 19 aŭgusto 2007, Ranzan, Japanio

**Por elekti la ĝustan kotizon, bonvolu atente legi la sekvajn klarigojn:**
La kotizoj varias depende de la loĝlando de la aliĝanto, laŭ jena grupigo:
**A**: Ĉiuj landoj escepte de tiuj ĉi-sekve sub B.
**B**: Iamaj socialismaj landoj de orienta Eŭropo; ĉiuj landoj de Azio (escepte de Israelo, Japanio kaj Korea Respubliko), Afriko kaj Latinameriko.

| *Kotizoj en EUR* | *ĝis 31.03.07* | *ĝis 30.06.07* | *ekde 01.07.07* |
|---|---|---|---|
| Aliĝkategorio | A/B | A/B | A/B |
| 1. Membro de ILEI | 50/30 | 60/36 | 70/42 |
| 2. Ne ILEI-ano | 55/35 | 68/44 | 80/52 |
| 3. Junulo, handikapulo | 25/15 | 30/18 | 35/21 |
| Aliĝkotizo por 1 tago — *25 EUR* por A- kaj B-landoj. | | | |

La kotizo **ne** inkluzivas loĝadon, ekskursojn, aparte pagendajn aferojn, kaj ajnan asekuron. Konferencaneco ne estas transdonebla. Se Vi havas demandojn, bonvolu skribi al ILEI: info@ilei.info aŭ aidute@mail.lt.
PLIE LEGEBLAS: en retejo de ILEI http://ilei.info/konferenco/ kaj en la sekvaj n-roj de IPR.

**Alveno post UK:** De la plej proksima stacio de UK-kongresejo *Pacifiko Jokohamo* al la stacio *Musaŝiranzan* kie troviĝas la ILEI-konferencejo kostas nuntempe 1500 enoj (ĉirkaŭ 10,5 EUR). Necesas ŝanĝi trajnojn dufoje. Tamen trajnoj iras akurate, eĉ dum feriaj semajnoj en Japanio.

**Konferencejo kaj tranoktejo:** *Ŝtata Eduk-Centro por Virinoj*, situanta en kvieta kvartalo en naturo, ĉirkaŭ 15 minutojn piede de la stacio Musaŝiranzan. Por tranokti en la sama centro ekzistas la jenaj ebloj:

| | |
|---|---|
| – unu-lita ĉambro kun banejo | 20,00 EUR |
| – du-lita ĉambro kun banejo | 18,00 EUR |
| – du-lita ĉambro sen banejo | 17,00 EUR |
| – japanstila ĉambro por du homoj kun banejo | 18,00 EUR |
| – japanstila ĉambro por 4-5 homoj sen banejo | 17,00 EUR |

Tio estas por unu nokto por unu homo. Matenmanĝo **ne estas** inkluzivita.
**Manĝoj**: En la konferencejo eblas, kaj ni **forte rekomendas**, mendi manĝojn: matenmanĝo kaj tagmanĝo kontraŭ po *€ 6,50* kaj vespermanĝo kontraŭ *€ 8,50.*
***Atentu pri ekskursoj!***
**Bankedo**: en bona japanstila restoracio. La prezo 50 EUR por A-landanoj kaj 30 EUR por B-landanoj. La restoracio ofertas perbusan servon venigi kaj forsendi nin.

**Konferenca programo**: Oni antaŭvidas dupartan konferencon: la 11-14-an de aŭgusto ĝeneralan programon, la 15-19-an de aŭgusto kulturan, ekskursan programon. Por la konferenco oni antaŭvidas: inaŭguron, Lingvan Festivalon (la 12-an de aŭgusto posttagmeze), unutagan Simpozion pri la konferenca temo (la 13-an de aŭgusto – tutan tagon), komitatkunsidojn (la 12-an kaj 14-an antaŭtagmeze), paralele proponitajn prelegojn de niaj samideanoj kaj invititaj gastoj, paralele seminario(j)n, aparte pagendan bankedon (la 14-an de aŭgusto – komunan vespermanĝon en lukseca etoso), ILEI/UEA-ekzamenojn.
Informoj pri eventualaj seminarioj aŭ programeroj kaj iliaj kondiĉoj aperos en venontaj n-roj de IPR kaj TTT-ejo de ILEI. Pli preciza programo estos dissendita al aliĝintoj en Dua Informilo fine de marto 2007.

**Ekskursoj:**

TT: **Nikko** (la 15-an de aŭgusto, merkrede). *Prezo: € 65,00.*
DT1: **Kawagoe** (la 16-an de aŭgusto, ĵaŭde). *Prezo: € 20,00.*
DT2: piede **tra Ranzan** (la 17-an de aŭgusto, vendrede). *Prezo: € 5,00.*
DT3: **Ogawa** (la 18-an de aŭgusto, sabate). *Prezo: € 21,00.*
Atentu pri inkluzivitaj manĝoj (informoj en retejo kaj IPR 4/06).
**Via aliĝo validas nur post kiam la Kasisto ricevis vian pagon.**
Kiel aliĝdato validas la dato en kiu via pago atingis la konton de ILEI.



**40-a Konferenco de ILEI**
**11 – 19 aŭgusto 2007**
**Ranzan, Japanio** **Konferenca numero:**

**ALIĜILO**

***Virinoj en Esperanto-Kulturo***

Ĉiu aliĝanto uzu apartan aliĝilon, fotokopion aŭ samformatan paperon. Bv. tajpi aŭ skribi preslitere per latinaj literoj. La plenigitan aliĝilon bv. sendi al *Aida Čižikaitė, Zamenhofo 5, LT-44287 Kaunas, LITOVIO.* (Laŭeble uzu la retan aliĝilon: *http://ilei.info/konferenco/alighilo2007.php)*

FAMILIA NOMO ..............................................................................VIRO/VIRINO
(por alfabeta ordigo) (forstreku unu)
PERSONA(J) NOMO(J) ............................................................................................
NASKIĜDATO jaro....…….. monato……....………… tago. ...............................
ADRESO (nacilingve en latinaj literoj kun poŝtkodo) .............................................
LANDO ..................................TEL Nº (kun prefikso) ............................................
FAKSO...........................................RETADRESO ..................................................
PROFESIO/FAKO .....................................................................................................
ĈIONMANĜANTO / VEGETARANO/ SPECIALA.................................................
(forstreku nebezonatajn kaj/aŭ aldonu bezonojn)

*Se Vi bezonas vizon aŭ invitilon por veni al Japanio, bonvolu turni Vin al la ĉefa loka organizanto: **Tieko ISIKAWA**, Tate 1-6-6-103,JP-353-0006 Siki-si, Saitama-ken, Japanio, <isksanjo@ff.e-mansion.com>, tel/fakso: (+81)48-474-7437.*
Mi aliĝas al la Konf. laŭ la kondiĉoj presitaj en la kongresa informilo kaj en tiu ĉi aliĝilo, kaj sendis mian pagon al ILEI je …................................................ (dato)

DATO ...................................... SUBSKRIBO .......................................................

Mi pretas prezenti …………………... lingvon en la Lingva Festivalo *jes/ne*.
Rilate al la konferenca temo mi proponas prelegon kun titolo: ...............................
.................................................................................................................................
Mi proponas por la ĝenerala konferenca programo: ................................................
.................................................................................................................................
Mi proponas la jenan kontribuon al la distra programo.............................................
.................................................................................................................................
(la proponoj kaj resumoj devas atingi la Estraranon pri Konferencoj nepre ĝis 2007.03.15)
Por lingvoprezento aŭ prelegoj mi bezonas: ............................................................
Por aliaj prezentotaj programeroj mi bezonas: .........................................................
Apartaj bezonoj ........................................................................................................
Mi volas diri / informi pri .........................................................................................

**ALIĜKOTIZO** (vidu IPR 06/3 p. 35.)

| | |
|---|---|
| ***....... tranoktoj*** | ................................ |
| En 1-lita ĉambro (kun banejo) | ................................ |
| En 2-lita ĉambro (kun banejo) | ................................ |
| En 2-lita ĉambro (sen banejo) | ................................ |
| En japanstila 2-loka ĉambro (kun banejo) | ................................ |
| En japanstila 3-5-loka ĉambro (sen banejo) | ................................ |
| ***...... manĝoj*** | |
| Matenmanĝoj (por la tagoj...............................) | ................................ |
| Tagmanĝoj (por la tagoj..................................) | ................................ |
| Vespermanĝoj (por la tagoj.............................) | ................................ |
| Tuttaga ekskurso (al Nikko) TT | ................................ |
| Duontaga ekskurso (al Kawagoe) DT1 | ................................ |
| Duontaga ekskurso (piede tra Ranzan) DT2 | ................................ |
| Duontaga ekskurso (al Ogawa) DT3 | ................................ |
| Bankedo | ................................ |
| Fonduso „Dazzini” | ................................ |
| Koleghelpa Fonduso | ................................ |
| Fonduso „Erika Linz” | ................................ |
| Fonduso „InterKulturo” | ................................ |
| Fonduso „Szerdahelyi” | ................................ |
| Donaco | ................................ |
| Bankkostoj | ................................ |
| ENTUTE (en eŭroj) | ................................ |

Mi mendas tranokton ekde la ................ ĝis la ..................... en ...........……………

Se vi mendas dulitan/plurlitan ĉambron, bv. indiki, kun kiu vi dividas la ĉambron...

Bv. indiki ĉi tie kiu(j)n ekskurso(j)n vi mendas .......................................................

Por mendoj atingantaj nin **post la 1-a de majo 2007** oni devas aldone pagi *EUR 40,00*. **Post la 1-a de junio** ni ne povos mendi por Vi tranoktojn.

Mi aliĝas kiel: [ ] membro de ILEI [ ] ne membro de ILEI

[ ] junulo — naskiĝinta post la 31-a de decembro 1976.

[ ] handikapulo, ĉu ILEI jam havas atestilon? *Jes / mi kunsendas*

Mi sendis mian pagon al:

[ ] ILEI-konto ĉe UEA *ilek-a*, indikante: "ILEI-Konferenco", nur se vi pagas ĝis la 15-a de majo 2006;

[ ] la bankokonto de ILEI en Svedio: IBAN: SE56 8000 0832 7999 4515 0143 kun BIC/SWIFT kodo SWEDSESS. Aldonu 6,00 EUR por svedaj bankokostoj se vi pagas de ekster Eŭropa Unio. El Svedio eblas pagi al konto 8327-9, 994 515 014-3 ĉe Förenings-sparbanken.

[ ] la japana sekciestro **Tieko ISIKAWA**, Tate 1-6-6-103, JP-353-0006 Siki-si, Saitama-ken, Japanio **(NUR POR JAPANOJ)**

LABORKOMISIONOJ

Ekzamena: Probal Dasgupta (prez.), Boris Grigorjevič Kolker (vicprez.), Reza Torabi (sekr.), Mireille Grosjean, Julián Hernández, Jorge Antonio Leoni de León, Oliver Mazodze

Elekta: Tieko Isikawa, Ana Montesinos de Gomis, Aurora Bute

Kontrola: Ulla Luin, Bengt Jonsson, Marianne Westman

Lerneja: Carola Antskog, Luigia Madella, Ermanno Tarracchini, Mihai Trifoi

Regulara: Marija Beloŝeviĉ, Rob Moerbeek, Atilio Orellana Rojas

Terminara: Maŭro La Torre, Miroslav Malovec

KUNLABORANTAJ INSTITUCIOJ

EEU: Eŭropa Esperanto-Unio. Komisiito pri instruado kaj rilatoj kun ILEI: Carola Antskog, Brokärrvägen 89, FI-25700 Kimito, Finnlando, cantskog@kolumbus.fi

E@I (Esperanto ĉe Interreto, www.ikso.net): faka sekcio de TEJO (www.tejo.org, poŝtadreso ĉe UEA).

FIPLV (Internacia Federacio de Instruistoj de Vivantaj Lingvoj):
Reprezentanto de ILEI: Jennifer Bishop, esperanto@Education.monash.edu.au

IEI: Internacia Esperanto-Instituto, Riouwstraat 172, NL-2585 HW Den Haag, Nederlando.

TEJO: Observanto de TEJO ĉe ILEI: François Hounsounou (adr. sur p. 40., Benino).

UEA: Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando. www.uea.org. Observanto de ILEI ĉe UEA: Radojica Petrović. A-komitatano el ILEI: Atilio Orellana Rojas. Observanto de UEA ĉe ILEI: Claude Nourmont. Reprezentanto de ILEI en la Afrika Komisiono de UEA: François Hounsounou

UNESKO (en operaciaj rilatoj). Reprezentantoj de ILEI: François Lo Jacomo, 72, quai de la Loire, FR-75019 Paris, francois.lojacomo@wanadoo.fr; Monique Arnaud, Ecole Chemin de l' Espéranto, Les Pelloux, FR-05500 Benevent et Charbillac, monique.arnaud@tiscali.fr; Jean-Pierre Boulet, 17 Av. de la Dordogne, FR-63800 Cournon d'Auvergne, tel.: (+33) 4 73 84 90 60; Mireille Grosjean, Temple 20 pf. 9, CH-2416 Les Brenets, tel/fakso: (+41 32) 932 18 88, mireille.grosjean@rpn.ch

MEMBRIĜO AL ILEI KAJ PAGADO POR ALIAJ SERVOJ

Membreco kostas 18 EUR en A-landoj (laŭ UEA-difino) kaj 9 EUR en B-landoj, kun ricevo de 4 numeroj de IPR jare. Kun aliro nur al reta versio, membreco kostas 4 EUR (A) kaj 2 EUR (B). Bonvenaj estas donacoj al la fondaĵoj de ILEI, konferencaj pagoj kaj abonoj por Juna amiko. Sekciestroj en trideko da landoj akceptas membrigojn kaj donacojn; simile, perantoj por Juna amiko akceptas abonojn enlande. Por pagoj rekte al la internacia ILEI informu skribe al la kasisto de ILEI: Sjoerd Bosga, Tråddragargatan 27D, SE-723 37 Västerås, Svedio. Tel.: (+46 21) 41 70 45, sjoerd@esperanto.se.

La pagoj povas okazi pere de konto de ILEI ĉe UEA, aŭ al la sveda konto.
* Pagoj al konto de ILEI ĉe UEA: Pri pagmanieroj vidu informojn en la Jarlibro de UEA. Atentu pri aldono de sumo por bankkostoj. Indiku vian nomon kaj landon, mallonge la celon de la pago, kaj unu el la tri kontoj ilek-a (ĝenerala), juna-l (Juna amiko), pike-b (projekto Interkulturo).
* Pagoj al la sveda bankkonto: El Svedio pagu al konto 8327-9, 994 515 014-3 ĉe Föreningssparbanken. El aliaj landoj pagu al IBAN SE56 8000 0832 7999 4515 0143 kun BIC/SWIFT kodo SWEDSESS. Aldonu 6 eŭrojn por svedaj bankkostoj se vi pagas el ekster Eŭropa Unio.
* Simpla abono de IPR sen membreco: 18 EUR. Reklamtarifoj por IPR: 180 EUR por plena, 110 EUR por duona kaj 70 por kvarona paĝoj. Tio inkluzivas bazan grafikan pretigon: kostojn de ekstra pretigo oni rajtas fakturi. Sekcioj reklamante edukajn projektojn rajtas peti trionan rabaton.
ILEI estas jure registrita ĉe la Komerca Ĉambro en Den Haag sub numero 27.181.064.
Hejmpaĝo de ILEI: http://www.ilei.info

REDAKCIAJ INFORMOJ
Respondeca eldonanto (verantw. uitgever): Iwona KOCIĘBA, Graaf de Fiennesln 54, BE-2650 Edegem. Presado: Flandra Esperanto Ligo, Frankrijklei 140, BE-2000 Antwerpen, tel: (+32-3)-234 34 00.
Redaktejo: NÉMETH József, HU-8531 IHÁSZ, Fő u. 41/5. Rete: <jozefonemeth@yahoo.com>, http://www.ilei.info/ipr/; tel: (+36-89) 356-050.
La revuo aperas ankaŭ kasede registrita por leghandikapuloj. Informas: Rob MOERBEEK, Zwaansmeerstraat 48, NL-1946 AE Beverwijk, <r.moerbeek@wanadoo.nl>.
La numeron ni sendis al la presejo la 29-an de aŭgusto 2006, redaktofino por la sekva numero: 31.10.2006.

SEKCIOJ
Albanio: Vasil Pistoli, c/o Bardhyl Selimi, Rr. Maliq Muco, Pall. 50, ap. 3, AL-Tirana,
selimibardhyl@yahoo.com
Aŭstralio: Penny Vos, 511 Wyn¬dham Lane/Kanoona, Candelo NSW AU-2550, penivos@yahoo.com
Belgio: Iwona Kocięba, Graaf de Fiennesln 54, BE-2650 Edegem,
iwona.kocieba@telenet.be
Benino: François Hounsounou,
BP 226 BJ-Lokossa-Mono, Rep du Benin, West Afrika, hounfranc@yahoo.fr
Brazilo: Antonio Felix da Silva

Rua Engenheiro Francisco Azevedo, 243, Sumarezinho - São Paulo – SP, BR-05030-010, geinstruistoj@ileibr.org
Britio: Tellier Angela, 10 Marina Gardens, GB IP11 2HW Felixstowe, Suffolk, angela@esperantoeducation.co.uk
Ĉeĥio: Jana Melichárková,
CZ-696 02 Ratíškovice 938,
melicharkova@quick.cz
Ĉinio: Zhang Danchen, General For¬eign Languages Dept., 29-34 North Part, Huazhong Normal University, CN-430070 Wuhan, zdchen@public.wh.hb.cn
Danio: Arne Casper-Mortensen, Bryggervangen 70, 4. tv. DK-2100 Kobenhavn, arnecasper@dbmail.dk
Finnlando: Carola Antskog,
Dragsfjärdvägen 690, FI-25700 Kimito, cantskog@kolumbus.fi
Francio: Michel Dechy, 65 allée de la crémaillère, FR-59650 Ville¬neuve d'Ascq, michel_dechy@hotmail.com
Germanio: Zsófia Kóródy,
Esperanto-Centro, Grubenhagenstr. 6, DE-37412 Herzberg/Harz,
zsofia.korody@esperanto.de
Hungario: József Németh,
Fő u. 41/5, HU-8531 Ihász, jozefo.nemeth@gmail.com
Irano: Hamzeh Ŝafii, P.O. Kesto 17765-184, IR-Teheran, ilei.ir@esperanto.org
Italio: Luigia Oberrauch Madella, via Prampolini 8, IT-43100 Parma, silkovojo@aliceposta.it
Japanio: Isikawa Tieko, 103, Tate 1-6-6, Siki, Saitama JP-353-0006, isksanjo@ff.e-mansion.com
Katalunio: Pedro M. Martin Bututxaga, Arnau Gatell 2-4-2, ES-17300 Blanes, ileicat@hotmail.com
Korea Resp.: CHO Sung Ho, Department of Biology, Inha Universitato, Incheon KR-402-751, shcho@inha.ac.kr
Kroatio/KEL: Marija Jerković, Jarunska 6, HR-10000 Zagreb, mjerkovic@net.hr
Kroatio/KEU: Ivan Bekavac-Basić, Kuŝlanova 59, HR-10000 Zagreb, ilei_kroatio@teacher.com
Kubo: Marta Alonso Gutiérrez, Malecón 659 entre Belascoaín y Gervasio; CU-10200 Ciudad de La Habana, kubesp@enet.cu
Nederlando: Atilio Orellana Rojas, Riouwstraat 172, NL-2585 HW Den Haag, iei001@tiscali.nl
Norvegio: Anne-Karin Bondhus, Baldersveg 3C, nr 17, NO-7033 Trondheim, anne.k.bondhus@itk.ntnu.no
Pollando: Maria Majerczak, ul. Armii Krajowej 7, m. 122, PL-30 150 Krakow, mmajerczak@gmail.com
Rumanio: Mihai Trifoi,

Str. Principala Bl.1 Ap.3,
RO-527116 Bixad/Jud. Covasna, trifoi@honoris.ro
Rusio: Irina Gonĉarova, Moloeznaja 38-10, Odincovo 2, Mosk. obl. RU-143000, mirina@online.ru
Svedio: Siv Burell, Lekstorpsv. 46 E, SE-443 41 Graabo, s.burell@telia.com
Svislando: Mirelle Grosjean, Grand-rue 9. Pf. 9,
CH-2416 Les Brenets mireille.grosjean@rpn.ch
Togolando: Attiogbe-Agbemadon B., Mensah, T. I. E. To, B.P. 13169, Lome-TOGO, esp.togo@cafe.tg
Ukrainio: Nina Daniljuk, prospekt Sobornosti, 32-108, Luck-26, UA-43026, nina_daniljuk@ukr.net
Usono kaj Kanado: Doroteo Holland, 5140 San Lorenzo Dr, Santa Barbara, CA 93111-2521 (US), dorothyh@west.net
Venezuelo: Andrés Turrisi, Cen.Res.Puerta del Este.Torre, Oeste, piso15, ap.153, Av.Madrid, VE-1070 La California Norte, Caracas, andesp@internet.ve

REPREZENTANTOJ

Armenio: Lida Elbakjan, Moldo-vakan 26/2, kv.52, AM-375062 Erevan, LIDELB@freenet.am
Barato/Hindujo: Venkatesh Reddy, No. 216, Off main Road, Whitefield, Bangalore 66, Karnataka, esperovr@yahoo.co.in
Bosnio kaj Hercegovino: Nimeta Kulenoviĉ, Branica Sarajeva 15/V,
BA-71000 Sarajevo
Ĉilio: Héctor Campos Grez, Casilla 903, CL-3340000, hecg@uea.org
Estonio: Helgi Hromova,
Pk. 623, EE-12602 Tallinn
Islando: Loftur Melberg Sigurjónsson, Traðarberg 13,
IS-221 Hafnarfjörður, loftur@skyrr.is
Israelo: Gian Piero Savio, 13/4 Menora-str. IL-53490 Givatajim, saviog@zahav.net.il
Kongo DR: Ngangu Nduantoni-Bakidila, B.P.13, CD-Lukala, Bas-Zaïre
Kostariko: Hugo Mora Poltronieri, Apartado 4981, CR-1000 San José, tikoguau@gmail.com
Litovio: Algimantas Piliponis, Kavoliuko 3-93, LT-04325 Vilnius, piliponis@centras.lt
Meksiko: José de Jesús Corrales C.,
Belice 116, Fraccionamiento Guadalupe, Durango, Dgo.
jdjcorrales@yahoo.com.mx
Nov-Zelando: Gwenda Sutton, 12C Herbert Gardens, 186 The Terrace, NZ-6001 Wellington 1, gwenda.s@ihug.co.nz

Portugalio: João Jose Santos, Apartado 123, PT-5301-902 Bragança,
joaojosesantos@gmail.com
Serbio: Radojica Petrović, Bul. oslobodjenja 36, 32000 Ĉaĉak, radp@ptt.yu
Slovenio: Marija Zlatnar-Moe, Miliĉinskega 66, SI-1000 Ljubljana,
Marija.Zlatnar@guest.arnes.si
Uzbekistano: Eugeno S. Perevertajlo, Abon. jashik 140, Poĉtamt,
UZ-700000 Taŝkento, CIS, esperuzo@mail.ru